3 Mai 1908. 3a Majo 1908. 84a NUMERO. 3n Mei 1908.
6a JARO, 17a numero.

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,
53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

JARKOLEKTO : 6 FR.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

| ABONNEMENTS | |
|---|---|
| Un an, au moins (tous pays) | fr. 6,00 |
| Membres de la Ligue | » 7,00 |
| Membres protecteurs de la Ligue | » 10,00 |
| Un numéro | » 0,25 |
| L'année parue | » 6,00 |
| Envoi à l'étranger (par envoi) | » 1,00 |

| ABONOJ | |
|---|---|
| Unu jarkolekto, almenaŭ | Sm. 2,40 |
| Membroj de la Ligo | » 2,80 |
| Protektantaj membroj de la Ligo | » 4,00 |
| Unu numero | » 0,10 |
| Unu antaŭa jarkolekto | » 2,40 |
| Sendo alilande (po sendo) | » 0,40 |

| INSCHRIJVINGEN | |
|---|---|
| 1 jaar ten minste (alle landen) | fr. 6,00 |
| Bondsleden | » 7,00 |
| Bonds-beschermleden | » 10,00 |
| Het nummer | » 0,25 |
| Het verschenen jaar | » 6,00 |
| Buitenland (per zending) | » 1,00 |

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1ª de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn n<sup>ojn</sup>
Ĉiam aldonu la abonkoston. Ni ne akceptas poŝtmarkojn, ni ŝatas nur poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | Nacie | | Internacie | |
|---|---|---|---|---|
| **Amerika Esperantisto**, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. S. A. | d. | 1.00 | Sm. | 2.05 |
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | » | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Dana Esperantisto**, Gyldenlovesgade, 16, Kopenhago | kr. | 2.60 | » | 1.45 |
| **Eho Esperantista**, aldona de « Das Echo ». J. H. Schorer, 1, Dessauerstr. Berlin | mk | 5.00 | » | 2.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero**, monata, Nevski prosp. d. N° 147, St-Petersburg | fr. | 10.00 | » | 4.00 |
| **Estlanda Esperantisto**. Sro J. A. Rahamagi, Weike Kalamajo uul. 7, k. 2, Revel (Russie). | r. | 1.00 | » | 1.10 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | 1.70 |
| **Finna Esperantista**, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Flugila Stelo** stenografie. Sro Fr. Schneeberger, Lüsslingen (Suisse) | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, duonmonata Verlag: H. Wuttke, Pionierstr. Magdeburg | » | 4.00 | » | 2.00 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIª | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Belga Sonorilo**, duonmonata, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles. | fr. | 6.00 | » | 2.40 |
| **La Esperanta Instruisto**, Guilbert Pitman, 85, Fleet str. London, E. C. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **L'Etoile Espérantiste**, mensuelle. Administration 3, rue Sophie-Germain, Paris | fr. | 2.00 | » | 0 80 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, Sro A. Marich, Ullöi ut 59, Budapest IX | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Paris-Esperanto**, Sro V. Chaussegros, 3, place Jussieu, Paris Ve | fr. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, Marszalkowska, 143, Warszawa (Varsovie) | r. | 2.00 | » | 2.20 |
| **Roma Esperantisto**, Sro Luigi Giambene, 198, via Babuino, Roma. | L. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Ruslanda Esperantisto**, Nikolaerskaja Str. 33, loĝ 24. Peterburgo | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Stelo Kataluna**, Rambla S. Isidro, 30, Igualada-Barcelona | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., Sro Rafael Duvos, Cirilo Amoros, 28, Valencia | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **The American Esperanto Journal**, 211, West 126 Str. New York City, N. Y., U. S. A. | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **Tutmonda Espero**. Paradis, 12, principal. Barcelona | fr. | 3.00 | » | 1,20 |
| **Verda Stelo**, hispana-esp. A. Vargas 3ª del Reloj, n° 12, Mexico, D. F. | p. | 1.00 | » | 2.00 |

3 Mai 1908. 3a Majo 1908. 84a NUMERO. 3n Mei 1908.
6a JARO, 17a numero.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## REFORMISTOJ KAJ FUNDAMENTISTOJ.

Jam en la raporto de la Lingva Komitato en Genève, S-ro Boirac diris ke « la demandojn kun proponoj pri reformoj, ŝanĝoj, plibonigoj, la Prezidanto ricevis *amasege* ». S-ro Boirac proponis kiel rimedon respondi per antaŭ presita formulo, ĉu por prokrasti la solvon, ĉu por kontraŭmeti la baron de la Fundamento. Tia rimedo ne povis kontentigi la postulantojn, sed ni imagis, ke tiu rifuzo lacigos ilin.

Sed alvenis la tempo, kiam la delegacio kunvenis por elekti lingvon internacian kaj ĝi elektis Esperanton kun rezervo pri diversaj ŝanĝoj. Se la Delegacio estus elektinta Idiom Neutral kun la sama rezervo, certe Neutralistoj estus hodiaŭ tre ĝojaj pro tia apogo. Sed ĉar nia forteco permesas, ke ni estu pli postulemaj, ni volis ke la Delegacio lasu al ni la zorgon fari la ŝanĝojn necesajn.

Dum kelkaj semajnoj, oni povis intertraktadi, sed malgraŭ la lerteco de Sroj de Beaufront, Boirac kaj Moch, Esperantistoj partoprenintaj en la laboroj de la Delegacio, ni ne povis sukcesi altrudi nian lingvon sen ia ŝanĝo, kaj Sro Boirac, skribis al Sro Ostwald, prezidanto de la « Konstanta Komisio » : « Kondiĉoj de interkonsento, kiun mi esperis farebla « inter la konstanta komisio de la Delegacia komi- « tato kaj la Lingva komitato, ne ekzistas........ Ni « intencas fari ŝanĝojn en Esperanto, se estas « necese, nur iom post iom, niatempe kaj laŭ niaj « metodoj, sen altrudo nek rapidigo de iu ajn ».

La saman tagon (la 18an de januaro) cirkulero de Dro Zamenhof klarigis al la Esperantistoj, ke « ni « estis devigataj rompi ĉiun intertraktadon kun la « Delegacio kaj sciigi, ke la Delegacia komitato « por ni plu ne ekzistas ». Ĉu tia decido estas bona aŭ malbona por nia estonteco ? Ĉu l'apogo de la Delegacio estas pli grava ol fideleco absoluta kaj laŭvorta al la Fundamento ? Neniu povas tion antaŭdiri. Sed, akceptinte la diskutadon kun la Delegacio sen prepara interkonsento de la Esperantistoj, eĉ sen kunvenigo de la membroj de Lingva Komitato, oni certe kuraĝigis la reformistojn kaj oni povas diri, ke « l'amasego » de proponoj pligrandiĝis. Ĉiu reformisto antaŭvidis sian propran sukceson kaj forĝis spritajn gramatikojn. Malgraŭ nia deklaracio ke « plu ne ekzistas Delegacia Komitato », la konstanta komisio decidis daŭrigi siajn laborojn sen ni kaj pretendas montri, ke ĝiaj reformoj estas la samaj, kiujn de longatempe postulas la Esperantistoj reformemaj. Por tio, ĝi tuj eldonos specialan ĵurnalon disdonotan al niaj samideanoj. Niaj gazetoj konsilas du taktikojn.

Laŭ la unuaj ni devas silenti aŭ presi nur deklaraciojn de fideleco.

Laŭ aliaj oni devas, male, brave diskutadi.

Jam *l'Etoile Espérantiste* komencis serion da gravaj artikoloj pri la Delegaciaj projektoj, presante ĉiujn dokumentojn antaŭ ol konkludi.

En ĵurnalo *Esperanto* Sro Hodler publikigis tre rimarkindajn artikolojn pri la *grava momento* kaj la *nuna necesaĵo*. Li evidente montris, ke mankas al ni oficiala registaro. « Ni estas en tiu bedaŭrinda « situacio : la Esperantistoj ekzistas sed ili havas « absolute nenian rajtan aŭtoritaton kaj nenian « laŭleĝan interligilon. Al la Delegitaro, kiu pro- « ponas ion difinitan al la Esperantistaro, povas « plenrajte kaj oficiale respondi *neniu*, ĉar ekzistas « nur disaj esperantistoj kaj disaj esperantistaj

« organizaĵoj, sed nenia kompetenta reprezantanto de la Esperantistaro ».

Kelkaj « Iniciatintoj » sekvis parte la konsilojn de S^ro Hodler, sed anstataŭ proponi aŭtoritaton limigitan, kiu ne povas en ĉiuj okazoj reprezenti la Esperantistaron. S^ro Hodler, mem, ŝajnas forlasi sian antaŭan projekton, sed tiun projekton alprenis Frato Izidoro, en *Belga Sonorilo* : « Ŝajne la Espe-« rantistoj pli kaj pli dividiĝas en du kampoj kontraŭ-« staraj = reformemuloj kaj konservemuloj. Kaj « tamen, se ĉiuj povus kviete, sentime, kaj senmal-« pacience, konigi pri siaj internaj deziroj kaj ideoj, « oni mirus pri la unueco de la Esperantistoj.... kiun « kaŝas al ni.... ho ve ! tro akra diskutado ».

La Delegacio parolis al la Lingva komitato, opiniante paroli al la Esperantistaro kaj nur Esperantistoj diversmaniere respondis. Jen la kaŭzo de la reciproka malfido, el kiu naskiĝis sentaŭga, ja malhelpa disputado...,.. Kun S^ro Hodler kaj aliaj mi petas, ke kiel eble plej baldaŭ estu fondata vere internacia Esperanta Akademio, kiu konsistos el delegitoj de ĉiuj landkomitatoj. Ĉi tiuj konsistos el delegitoj de ĉiuj grupoj de la lando. Al tiu Akademio la Delegacio faros nunajn proponojn ; pri tiuj la ĵurnaloj ĝentile, sentime kaj konfide diskutos, la grupoj pri ili voĉdonos kaj fine la Akademio sin farante la vera parolportilo de la monda Esperantistaro decidos aparte pri ĉiu proponitaĵo. Ĉiuj Esperantistoj sen ia dubo akceptos kontente, eĉ ĝoje, tian decidon. Tiu akademio daŭrigus prudente sian laboron kaj regus vere, internacie, la evolucion de Esperanto..... Mi opinias, ke « nur tie kuŝas la « kampo, sur kiu ĝenerala interkonsento estas « ebla ».

Frato Izidoro estas tute prava kaj mi opinias ke por ĉesigi ofendajn polemikojn inter Esperantistoj oni devas fondi kompetentan Akademion, kies decidojn ĉiuj fine akceptos.

A. Michaux.

---

## LA DÉRIVATION EN ESPERANTO.

(*Suite*).

### SUFFIXE AĴ.

D'après le Fundamento, *aĵ* indique « quelque chose possédant une certaine qualité ou fait d'une certaine matière ».

Et les exemples illustrent fort bien cette définition : *mola* = mou, *molaĵo* = partie molle d'une chose; *frukto* = fruit, *fruktaĵo* = quelque chose fait avec des fruits.

Cela suffit tant que le radical (ou mot primitif) est un nom (substantif ou adjectif); c'est le cas, en fait, de tous les exemples cités.

Toutefois, on peut remarquer que le sens très vague de ce suffixe ne fournit pas toujours des dérivés suffisamment précis;

Exemples : *bovaĵo* = viande de bœuf
*ŝafaĵo* = viande de mouton
*azenaĵo* = ânerie.

Pourquoi « ânerie » et pas « viande d'âne »? La question est d'autant plus légitime qu'on mange de l'âne comme du cheval.

En réalité traduire ânerie par *azenaĵo* c'est faire preuve de la courte vue de ceux qui, pour désigner une chose incompréhensible, l'appellent une « chinoiserie ».

Voyez-vous l'Esperanto international traduisant cette image injuste, maladroite et prétentieuse, familière à la langue française, et fabriquant le mot « *Ĥinaĵo* » = chinoiserie, dans l'acception française?

Ceux qui ont créé *azenaĵo* = ânerie (dans l'acception française d'ignorance crasse, de stupidité flagrante) ignorent que chez certains peuples l'âne n'est pas chargé de tous les vices; ils ignorent que l'Arabe, à qui son fidèle et vaillant bourricot rend tant de services, chante les qualités de sa précieuse monture, et qu'il ne l'a jamais ridiculisée ni dénommée « maître Aliboron », (Aliboron, en français, = âne, et au figuré homme ignorant).

## DEVENO EN ESPERANTO.

(*Daŭrigo*).

### SUFIKSO AĴ.

Laŭ la Fundamento, aĵ montras « ion havantan, ian kvaliton aŭ ion faritan el ia materio ».

Kaj la ekzemploj elmontras tre bone tiun difinon : mola, molaĵo = mola parto de io ; frukto, fruktaĵo = io farita je fruktoj.

Tio sufiĉas kondiĉe ke la radiko (aŭ primitiva vorto) estu nomo (substantivo aŭ adjektivo) ; tio okazas, fakte, por ĉiuj cititaj ekzemploj.

Tamen oni povas rimarki ke la tre vaga senco de tiu afikso ne ĉiam donas devenaĵojn sufiĉe precizajn.

Ekzemple : bovaĵo = viando de bovo
ŝafaĵo = viando de ŝafo
azenaĵo = malspritaĵo.

Kial « malspritaĵo » kaj ne « viando de azeno » ? La demando estas tiom pli grava ke oni manĝas viandon de azeno, kiel ankaŭ de ĉevalo.

Reale, traduki « malspritaĵo » per « azenaĵo », estas opinii same kaj tiel malprave kiel tiu, kiu por montri nekompreneblan aferon, ĝin nomas « ĥinaĵo ».

Ĉu vi akceptus ke la internacia Esperanto tra dukus, tiun malĝustan, malspertan kaj afekteman imagon, kutiman ĉe la franca lingvo, kaj starigus la vorton « Ĥinaĵo » en ĝia franca akcepto ?

Tiuj, kiuj kreis azenaĵo = la franca vorto *ânerie* (en ĝia akcepto de plena nescio, de evidenta malspritaĵo) nescias ke, ĉe iaj popoloj, la azeno ne estas ŝarĝita de ĉiuj malvirtoj ; ili nescias ke la Arabo, al kiu lia fidela kaj kuraĝa azeno donas tiom da servoj, kantas la kvalitojn de sia multnecesa rajdumo, kaj ke li neniam ĝin mokis kaj ĝin nomis « majstro Aliborono » (*aliboron*, en franca lingvo = *azeno*, kaj, figure, *malklerulo*).

A l'encontre du Français pour qui, malgré les services rendus, l'âne est un animal ridicule, l'Arabe donne la meilleure place, dans ses légendes, ses contes et ses chants, à l'animal qui le porte dans le pays des sables brûlants, et marche des heures et des heures sans réclamer même une goutte d'eau.

Pour nous le chameau est un être ridicule; son nom sert d'injure, et quelle injure! quand certains « chevaliers » l'adressent à leurs « dames »!

Allons nous aussi introduire cette mauvaise habitude française, dans la langue auxiliaire *internationale?*

Pourquoi pas puisqu'on a bien admis *azenaĵo?* Pourtant « *l'interna spirito* » de l'Esperanto demande qu'on respecte les idées de chaque peuple, et qu'on se débarrasse de ces habitudes mauvaises et sottes que dénotent l'emploi de mots tels que « chinoiserie », « ânerie », sale chameau »...

Pour un Arabe le chameau est la bête par excellence, qu'il aime à associer à l'âne dans des chants louangeurs; ceux-là le savent qui, accroupis sur le dos du vaisseau du désert, ont écouté le chant monotone du chamelier: « Le chameau est « fort! Longtemps il marche sans demander sa « part de l'eau précieuse qu'il porte pour son « maître; le chameau boira au puits où nous arrive- « rons après avoir dormi six fois encore sur le sable; « Allah est grand; il a fait le chameau fort, pour « nous porter au loin, là où nous ne pourrions « arriver sans lui; le chameau est fort! le chameau « est bon! le chameau est courageux! »

Allez donc dire à l'Arabe que, pour insulter une femme, un français l'appelle « chameau »! Il va sans dire que seul un Français de basse classe emploie pareil langage; jamais le mot n'a été entendu de la bouche d'un homme de bonne société; jamais, n'est-ce pas?

***

Voici encore un bizarre emploie de aĵ:

*latinaĵo* = le latin, la langue latine;
*violonaĵo* = un mauvais violon, un crincrin.

Un tel emploi de *aĵ* ne répond pas du tout au Fundamento, qui dit: « *aĵ* indique quelque chose « possédant une certaine qualité ou fait d'une cer- « taine matière ».

Dans *latinaĵo* = la langue latine, on ne s'explique pas du tout l'emploi de *aĵ*.

Dans *violonaĵo* = un crincrin, on a donné à *aĵ* le sens péjoratif.

Ailleurs on lui donne le sens diminutif:

*amaĵo* = amourette.

Ou bien on l'emploie dans le sens d'outil:

*baraĵo* = clôture = barilo.
*ligaĵo* = lien = ligilo.

On voit ce que « l'évolution naturelle » a fait en quelques années.

A quoi bon proclamer l'intangibilité, « l'inchangeabilité » du Fundamento, si la règle: « *aĵ* » indique « quelque chose possédant une certaine qualité ou fait d'une certaine matière », peut, en quelques années, se transformer en celle-ci: « *aĵ* » indique « quelque chose possédant une certaine « qualité, ou fait d'une certaine matière; ce suffixe « s'emploiera aussi pour marquer le mépris (*azen-*

Male je la Franco, por kiu, malgraŭ la servoj faritaj, la azeno estas ridinda besto, la Arabo donas, en siaj legendoj, rakontoj kaj kantoj, la plej bonan lokon al la besto, kiu portas lin en la lando de la varmigantaj sabloj kaj marŝadas dum horoj post horoj, ne postulante eĉ akvan guton.

Por ni, la kamelo estas ridinda estaĵo; ĝia nomo servas kiel insulto, kiam ia « kavaliro » dediĉas ĝin al sia « sinjorino »!

Ĉu ni ankaŭ enkondukos tiun francan kutimaĉon en la *internacia* helpanta lingvo?

Kial ne, kiam oni ja akceptis *azenaĵon*?

Tamen la « interna spirito » de Esperanto postulas ke oni respektu la ideojn de ĉiu popolo, kaj ke oni forigu tiujn malsaĝajn kutimaĉojn kiujn naskas la uzo de vortoj kiel « Ĥinaĵo », « azenaĵo », « tedega kamelo » laŭ la franca akcepto.

Arabe, la kamelo estas besto plej utila, kiun li amas kunigi al la azeno en laŭdaj kantoj; tiu scias tion, kiu, sidanta sur dorso de la « veturilo de l' dezerto » aŭskultis la monotonan kanton de la kamelkondukisto:

« La kamelo estas forta! Longdaŭre ĝi marŝas ne « postulante sian parton de la valorega akvo, kiun « ĝi transportas por sia mastro; la kamelo trinkos « ĉe la puto al kiu ni alvenos kiam ni ankoraŭ estos « dormintaj sesfoje sur sablo; Allah estas granda; Li « igis forta la kamelon por ke ĝi portu nin mal- « proksime, tie kie ni ne povus iri sen ĝia helpo; la « kamelo estas forta! la kamelo estas bona! la « kamelo estas kuraĝa! »

Diru do al Arabo ke, por insulti virinon, Franco ŝin nomas « kamelo »! Kompreneble nur Franco de malalta rango uzas tian lingvaĉon; neniam oni aŭdis tiun vorton el la buŝo de monduma viro; neniam, ĉu ne?

***

Jen ankoraŭ bizaran uzon de aĵ:

latinaĵo = la latina lingvo;
violonaĵo = malbona violono, violonaĉo.

Tia uzo de *aĵ* tute ne rilatas al Fundamento, kiu diras: *aĵ* montras « ion havantan ian kvaliton aŭ ion faritan el ia materio ».

En « latinaĵo » = la latina lingvo, oni ne povus klarigi la uzon de aĵ.

En « violonaĵo » = violono sen valoro, oni aldonis al *aĵ*, sencon malŝatigantan.

Aliloke, oni donis al ĝi malgrand'gantan sencon:

amaĵo = france *amourette* (ameto?)

Aŭ ankaŭ oni uzas ĝin en senco de instrumento, ilo:

baraĵo = instrumento, ilo por bari = barilo.
ligaĵo = instrumento, ilo por ligi = ligilo.

Oni vidas kion faris la « natura evolucio » post nur kelkaj jaroj.

Kial proklami la netuŝeblecon, la neŝanĝeblecon de la Fundamento, se la regulo: « aĵ montras ion « havantan, ian kvaliton aŭ ion faritan el ia ma- « terio » povas, post kelkaj jaroj, aliformiĝi en tiu ĉi: « aĵ montras ion havantan, ian kvaliton aŭ « ion faritan el ia materio; tiu afikso estos ankoraŭ « uzata por montri la malestimon (azenaĵo), la « repuŝon kaj la antipation; ankaŭ por naski la

« *aĵo*), l'aversion ou le dégoût ; aussi pour former « des diminutifs (*amaĵo*) ; aussi pour indiquer l'outil « *baraĵo*, *ligaĵo*) ».

Et ce n'est pas tout.

On pourrait, à la règle que nous venons d'énoncer, ajouter encore : « on emploiera même *aĵ* pour « former des mots inexplicables ».

Exemple : *meĉaĵo* = amadou.

Or *meĉo* voulant dire mèche, *meĉaĵo* voudra dire « quelque chose fait d'une mèche » ; et il faut une dose remarquable de bonne volonté pour appeler ainsi l'amadou, qui n'est qu'un champignon (l'agaric du chêne, du frêne, du saule, du peuplier) préparé pour prendre feu aisément ; tandis qu'une mèche est « du coton que l'on met dans une lampe, au centre d'une chandelle, d'une bougie pour brûler ».

On voit comment les partisans de l'application à la langue artificielle Esperanto, des lois de « l'évolution » de nos langues naturelles, sont dans le vrai ! C'est l'inspiration divine, en vérité !

Si l'Esperantistaro, « *la tuta Esperantistaro* » bien entendu, n'y met pas le hola, le pur Esperanto des débuts ne tardera plus à n'être qu'un « *esperantaĵo* » dont se détourneront tous les vrais partisans de la grande idée d'une langue auxiliaire internationale.

***

Abandonner le développement de la langue artificielle Esperanto à une évolution analogue à celle qui *déforme perpétuellement et au hasard* les langues naturelles, c'est permettre à tout Espérantiste, quel que soit son degré de compétence ou d'incompétence, de manier les affixes de la façon « amorphe » dont nous avons donné assez d'exemples pour que le plus mal-intentionné ne puisse plus crier au parti pris.

L' « évolution » de nos langues naturelles est aux mains de la foule ignorante, imposant ses fantaisies parce qu'elle est le nombre.

L' « évolution » de la langue artificielle doit être dirigée, régularisée, endiguée ; sinon la langue ne serait plus artificielle ; ceci est élémentaire, et à la portée de tous les esprits simples et de bonne volonté.

En réalité, il n'y a qu'une élite intellectuelle qui puisse et sache manier les affixes pour en composer convenablement des mots nouveaux ; la masse doit se contenter d'apprendre les mots tout faits, dans les manuels et dictionnaires. Cela ne l'empêche pas d'ailleurs, de comprendre et d'apprécier le jeu des affixes, soit comme moyen d'analyse logique, soit comme procédé mnémonique.

Mais pour cela il faut lui fournir des explications, des explications claires, nettes, précises ; et non pas exiger d'elle docilité absolue aux mauvais exemples ; le peuple espérantiste doit être convié à n'imiter que de bons exemples.

Il le fera quand il aura l'Académie centrale proposée de divers côtés ; il le fera certainement ; nous en avons la preuve dans l'étonnante docilité avec laquelle les adeptes de tous pays emploient le suffixe *ul* (alors qu'il est parfaitement inutile dans la plupart des cas), tout simplement parce que des manuels baclés à la hâte l'ordonnent ainsi, et que les textes classiques en donnent l'exemple, le

« malgrandigojn (amaĵo) ; ankaŭ por montri la in- « strumenton, la ilon (baraĵo, ligaĵo) ».

Nu ! Estas ankaŭ io alia.

Oni povus ankaŭ al la regulo ĵus raportita, aldoni tion ĉi : « eĉ oni uzos *aĵ*, por formi neklarigeblajn vortojn ».

Ekzemplo : meĉaĵo = franca *amadou*.

Nu, meĉo signifas fadenojn plektigitajn ; meĉaĵo signifos « ion faritan per meĉo », kaj estas necesa havi rimarkindan dozon da bonvolo por tiel traduki *amadou*, kiu estas fungo (la *agariko*, fungo de la kverko, de la frakseno, de la saliko, de la poplo), preparita por ekbruliĝi facile ; dum meĉo estas « kotono » kiun oni metas en lampo, en centro de vakskandelo, de stearinkandelo, por bruli.

Oni vidas kiel la partianoj de la aplikado, al la artefarita lingvo Esperanto, de la leĝoj pri « evolucio » de niaj naturaj lingvoj, estas en la vera vojo ! Vere, tio estas dia inspiro !

Se la Esperantistaro, « *la tuta Esperantistaro* » kompreneble, ne tion haltigas, la pura Esperanto de l' komencoj fariĝos baldaŭ « Esperantaĵo » de kiu ĉiuj veraj partianoj de la bela ideo de internacia helpanta lingvo dekliniĝos.

***

Forlasi la disvastigon de la artefarita lingvo Esperanto al evolucio simila al tiu, kiu *aliformigas senĉese kaj hazarde* la naturajn lingvojn, estas permesi al ĉiu Esperantisto, kiu ajn estus lia grado de kompetenteco aŭ de nekompetenteco, ke li uzu la afiksojn « amorfe » ; de tiu ĉi ni montris sufiĉe da ekzemploj por ke la plej malintencanto ne plu povu akuzi nin pri partieco.

La « evolucio » de niaj naturaj lingvoj estas en la manoj de la nescianta amaso, altrudanta ĝiajn fantaziaĵojn, ĉar ĝi estas plimulto, amasego.

La « evolucio » de artefarita lingvo devas esti direktata, reguligata, endigata ; se ne, la lingvo ne plu estus artefarita ; tio ĉi estas elementa kaj komprenebla por ĉiu simpla kaj bonvolanta spirito.

Reale, nur ekzistas intelekta elektitaro, kiu povas kaj scias uzi la afiksojn por oportune kaj dece aranĝi la novajn vortojn ; la amaso devas kontentiĝi lernante, en la lernolibroj kaj vortaroj, la vortojn bone formitajn. Tio tamen ne malhelpas ĝin kompreni kaj ŝati la uzon de la afiksoj, ĉu kiel rimedo de logika analizo, ĉu kiel memorigilo.

Sed por tio, estas necesa doni al ĝi klarigojn, netajn, plenajn, precizajn klarigojn ; kaj ne postuli de ĝi absolutan obeemon al la ekzemplaĉoj ; la Esperantista popolo devas esti invitata imiti nur bonajn ekzemplojn.

Tion ĝi faros, kiam ĝi havos la Centran Akademion proponitan de diversaj flankoj ; certe ĝi tion faros ; de tio ni havas pruvon en la mirinda obeemo de la adeptoj de ĉiuj landoj, kiuj uzas la sufikson *ul* (kiam ĝi estas tute senutila en la plimulto el la okazoj) simple ĉar la lernolibroj, rapidege verkitaj, tiel instruas, ankaŭ ĉar la klasikaj tekstoj montras ekzemplon, la malbonan ekzemplon.

mauvais exemple. Si la règle et l'exemple suffisent à inculquer à une foule d'adeptes (de tous pays) un usage illogique, ils suffiront a fortiori pour leur enseigner l'usage logique et approprié d'une langue strictement et rigoureusement artificielle, *c'est-à-dire créée par l'homme conscient et non par la foule inconsciente.*

***

Revenons au suffixe *aĵ*.

Si on examine bien le rôle que le Fundamento assigne au suffixe *aĵ*, savoir « indiquer quelque chose possédant certaine qualité ou fait d'une certaine matière », on conclura que ce suffixe ne peut s'appliquer quand il s'agit d'un radical verbal; car un verbe ne signifie par lui-même, ni une chose, ni une qualité.

Que signifie, par exemple, *konstruaĵo?* Ce n'est pas une chose faite avec la matière *konstru'*, ni qui possède la qualité *konstru'* car ce radical verbal ne désigne ni une matière, ni une qualité, mais une action.

En général, quand un affixe s'applique à la fois à des noms et à des verbes, on devrait toujours définir son sens *séparément* pour le cas des noms et pour celui des verbes; et c'est pourtant ce que négligent tous les manuels.

Notons ici que Ido a pris soin de faire cette distinction, et ne fût-ce que de ce chef son travail domine tout ce qui a été publié dans ce genre jusqu'aujourd'hui, et est singulièrement autre chose qu'un plagiat, ainsi qu'on a dit injustement et méchamment.

On nous accordera que, quand on a défini le rôle d'un affixe pour les noms, il n'est nullement défini par là-même pour les verbes (sauf dans les cas où il s'applique, en réalité, au substantif verbal); et l'on peut même soutenir, en toute rigueur, qu'il n'a pas de sens pour les verbes, et qu'il doit, ou bien être défini à nouveau, ou bien être remplacé par un affixe spécial aux verbes.

Cela s'est montré, de façon frappante, pour le suffixe *ig*, ainsi que nous l'avons fait voir. Quand on a dit: « *ig* = rendre tel ou tel », on n'a nullement défini par là le sens de *ig* appliqué ä un radical verbal: *esperigi* signifie-t-il, du fait de sa composition même, *igi espero*, *igi esperanta*, *esperinta*, *esperonta*, *esperata*, *esperita* ou *esperota? Esperigi* signifie-t-il faire espoir, faire espérant ou faire espéré?

Il ne le dit pas par lui-même. Même, rigoureusement, en vertu de la définition stricte du Fundamento qui ne peut s'appliquer qu'à un radical nominal, *esperigi* ne pourrait avoir que le sens « faire espoir », si « faire espoir » peut avoir un sens.

Cette ambiguïté n'est pas particulière à tel ou tel affixe; elle est générale, et tient à la nature même du verbe. Elle vient de ce qu'un verbe engendre, outre son substantif verbal, la série de ses participes (3 pour un verbe intransitif, 6 pour un verbe transitif), lesquels participes peuvent prendre la forme de substantifs, d'adjectifs et même d'adverbes.

Et dès lors, pour passer du cas des noms au cas des verbes, il faut indiquer pour chaque affixe à quel participe il sera censé s'appliquer; en d'autres termes il faut spécifier quel est celui des suffixes de participe, actif ou passif, il faut sous-entendre pour interpréter le suffixe considéré, *aĵ*, *ig*, *iĝ*, etc...

Se la regulo kaj la ekzemplo sufiĉas por enradiki ĉe multaj adeptoj (el ĉiuj landoj) nelogikan uzadon, la regulo kaj la ekzemplo sufiĉos *a fortiori* por instrui la logikan kaj difinitivan uzon de lingvo precize kaj severe artefarita, *estas diri kreita de la konscia homo kaj ne de la nekonscia amaso.*

***

Ni reprenu la sufikson *aĵ*.

Se oni atente ekzamenas la rolon, kiun la Fundamento difinas por la sufikso aĵ, nome « montri ion « havantan ian kvaliton aŭ ion faritan el ia ma- « terio », oni konkludos ke tiu afikso ne estas uzebla kiam oni havas verban radikon; ĉar verbo signifas, per ĝi-mem, nek ion, nek kvaliton. Kion signifas ekzemple « konstruaĵo »? Tio ne estas io farita per la materio « konstru' » aŭ kiu havas la kvaliton « konstru' », ĉar tiu verba radiko montras nek materion nek kvaliton, sed montras agon.

Ĝenerale, kiam afikso sin aldonas ambaŭe al nomoj kaj al verboj, ĉiam oni devus difini ĝian sencon *aparte* ĉu por la nomoj ĉu por la verboj; tamen tion preterlasas ĉiuj lernolibroj.

Ni notu ke Ido zorgis pri tiu diferenco, kaj nur pro tiu zorgo lia verko superas ĉion, kion ĝis nun oni verkis en tiu celo, kaj estas tute alia afero ol plagiato, kiel oni diris malĝuste kaj maljuste.

Oni konsentos kun ni ke, kiam oni difinis la rolon de afikso por la nomoj, ĝi tute ne estas difinita, per tio-mem, por la verboj (krom la okazoj kiam ĝi sin aldonas, reale, al la verba substantivo); kaj eĉ oni povas eldiri, absolute, ke ĝi ne havas sencon por la verboj, kaj ke ĝi devas, ĉu denove esti difinata, ĉu esti anstataŭata per afikso speciala por la verboj.

Tio ankaŭ okazis tre rimarkinde por la sufikso *ig* kiel ni tion montris. Kiam oni diris: « *ig* = fari tia aŭ tia » oni tute ne difinis la sencon de *ig* aldonita al verba radiko: ĉu esperigi signifas, pro ĝia kompozicio mem, igi espero, igi esperanta, esperinta, esperonta, esperata, esperita aŭ esperota?

Tio ĝi ne diras per si-mem. Eĉ, absolute, pro la preciza difino Fundamenta, kiu povas nur trafi noman radikon, esperegi povas havi nur la sencon « igi espero », se « igi espero » povas havi sencon.

Tiu dusenco ne estas speciala je tia aŭ tia afikso; ĝi estas ĝenerala kaj elvenas el la naturo mem de la verbo. Ĝi alvenas de tio: verbo naskas, krom sia verba substantivo, la serion de siaj participoj (3 por transitiva verbo, 6 por netransitiva verbo); tiuj participoj povas esti uzataj sub formo substantiva, adjektiva kaj eĉ adverba.

Kaj konsekvence, por pasi de la kazo de l' nomoj al la kazo de l' verboj, estas necesa montri, por ĉiu afikso, al kia participo ĝi sin aplikos prave; alivorte estas necesa diri tre klare kiun, el la participaj sufiksoj, aktivaj aŭ pasivaj, oni devas supozi por klarigi la proponitan sufikson: aĵ, ig, iĝ, k. c.

C'est ce qui a lieu, en particulier, pour *aĵ* appliqué à un radical verbal.

Ce suffixe, défini pour les noms, n'a et ne peut avoir de sens, que si l'on détermine à quel participe (actif ou passif) il est supposé s'appliquer.

On demande parfois si le suffixe aĵ a le sens actif ou passif; la question est mal posée: ce suffixe n'a par lui-même ni sens actif ni sens passif.

Où voit-on un tel sens dans les exemples *molaĵo*, *fruktaĵo*, donnés par le Fundamento?

La question exacte est celle-ci: le radical verbal a-t-il le sens actif ou le sens passif quand il est joint à *aĵ*?

Et elle se traduit pratiquement par cette autre question: « *aĵo*, joint à un radical verbal, a-t-il le sens de *antaĵo* ou de *ataĵo*?

Or, si l'on consulte l'usage suivi jusqu'ici, on constate que, dans la grande majorité des cas, « *aĵ* correspond au passif *ataĵo* ».

Exemples:

*sendaĵo* = la chose envoyée, l'envoi;
*trovaĵo* = la chose trouvée, la trouvaille;
*vidaĵo* = la chose vue, la vue; etc.

De même *konstruaĵo* = construction dans le sens de chose construite (*konstruata* ou *konstruita*); et ainsi de suite.

Si cette règle avait été généralisée, et était demeurée sans exception, nous n'aurions qu'à l'enrégistrer et à l'appliquer, car elle est parfaitement acceptable par une langue artificielle pratique.

Malheureusement il y a trop d'exceptions dans l'Esperanto actuel; ainsi:

*garnaĵo* = garniture, c'est-à-dire chose qui garnit et non chose garnie;

*ornamaĵo* = ornement, chose qui orne, et non chose ornée;

*nutraĵo* = aliment, chose qui nourrit, et non chose nourrie.

Naturellement, quand le verbe est intransitif il n'y a plus d'équivoque possible:

*rampaĵo* = chose rampante = reptile,
*estaĵo* = chose qui est = être,
*kreskaĵo* = chose qui croît.

Ce dernier mot est appliqué, par l'Esperanto actuel, aux seules plantes, et signifie « végétal ».

Les animaux croîssent aussi, et logiquement, *kreskaĵo* devrait s'appliquer aux animaux comme aux plantes.

En affectant au dérivé « *kreskaĵo* » le sens limité de « végétal », on a introduit dans la langue internationale, un pur idiotisme germanique (*gewächs*).

Cet exemple, comme tant d'autres que nous avons déjà donnés, illustre à merveille ce que frère Isidore dit dans sa lettre au comité de la Ligue Espérantiste Belge:

« Notre chère langue renferme des qualités que « l'on n'a pas encore vues, ni soupçonnées, qualités « que trouveront les allemands, non les français; « les russes, non les anglais; les américains, non les « européens; et réciproquement; des qualités nou- « velles qui ne se révèleront qu'après la découverte « de précédentes ».

Cela est merveilleusement dit, et dit par un homme qui connaît l'Esperanto pour l'avoir pratiqué, manié et enseigné à ses aveugles de l'admirable Institut de Woluwe St-Lambert.

Tio okazas, aparte, por la sufikso aĵ aplikata al verba radiko.

Tiu sufikso, difinita por la nomoj, havas kaj povas havi sencon, nur se oni difinas al kia participo (aktiva aŭ pasiva) ĝi sin aplikas, interkonsente.

Iafoje oni demandas ĉu la sufikso aĵ havas la sencon aktivan aŭ pasivan; la demando estas malĝuste farita: tiu sufikso havas, per si-mem, nek aktivan sencon, nek pasivan sencon.

Kie oni vidas similan sencon en la ekzemploj: *molaĵo*, *fruktaĵo*, eltiritaj el la Fundamento?

La preciza demando estas tia: ĉu la verba radiko havas aktivan aŭ pasivan sencon, kiam ĝi estas kunigita al aĵ?

Kaj tion oni praktike anstataŭas per tiu alia demando: ĉu aĵo, kunigita al verba radiko, havas la sencon de « antaĵo » aŭ de « ataĵo »?

Nu, se oni esploras la uzadon ĝis nun sekvitan, oni konstatas ke, en la plimulto el la okazoj, aĵ rilatas al la pasivo « ataĵo ».

Ekzemploj:

sendaĵo = io sendata, sendataĵo.
trovaĵo = io trovata, trovataĵo.
vidaĵo = io vidata, vidataĵo.

Same konstruaĵo = konstruo en senco de io konstruata (aŭ konstruita); kaj tiel plu.

Se tiu regulo estus ĝeneraligita, kaj se ĝis nun oni faris al ĝi nenian escepton, ni povus akcepti kaj aplikadi ĝin, ĉar ĝi estas perfekte akceptebla de praktika artefarita lingvo.

Bedaŭrinde la nuna Esperanto havas tro da esceptoj; ekzemple:

garnaĵo = io, kiu garnas, kaj ne io garnita.

ornamaĵo = io, kiu ornamas, kaj ne io ornamita.

nutraĵo = io, kiu nutras, kaj ne io nutrita.

Kompreneble, kiam la verbo estas netransitiva, la dusenco ne plu estas ebla:

rampaĵo = io, kiu rampas.
estaĵo = io, kiu estas.
kreskaĵo = io, kiu kreskas.

Tiu ĉi vorto estas uzita, en la nuna Esperanto, nur por plantitaĵoj kaj signifas: « *végétal* (france) ».

La bestoj ankaŭ kreskas, kaj, logike, kreskaĵo devus difini bestojn kiel plantitaĵojn.

Altrudante al la devenaĵo « kreskaĵo » la limigitan sencon de « plantitaĵo » oni enkondukis, en la universala lingvo, puran germanan idiotismon (*gewächs*).

Tiu ekzemplo, kaj multaj aliaj, kiujn ni jam montris, pravigas mirinde tion, kion frato Izidoro diris en sia letero al la komitato de la Belga Ligo Esperantista:

« Nia kara lingvo enhavas ecojn ne jam viditajn, « suspektitajn; ecojn kiujn trovos la germano, ne « la franco; la ruso, ne la anglo; la amerikano, « ne la eŭropano, kaj reciproke; ecojn novajn, nur « troveblajn post eltrovo de antaŭaj ».

Tio estas mirinde dirita, kaj dirita de homo, kiu konas Esperanton ĉar li ĝin praktikis, aplikadis kaj ĝin instruis al la blindoj de la multvalora Instituto de Woluwe St Lambert.

Pour que les qualités particulières à ce qui sera la langue auxiliaire définitive se révèlent, n'est-il pas de toute évidence qu'il faut permettre aux français d'éliminer les idiotismes introduits inconsciemment par les allemands, et réciproquement; qu'il faut permettre aux anglais de signaler, pour qu'on les élimine, les idiotismes introduits inconsciemment par les slaves, et réciproquement?

Sinon, au lieu de donner à la langue auxiliaire définitive, les qualités de chacune des langues naturelles, nous ferons une langue réunissant les défauts de chacune de ces langues, et le problème que nous poursuivons ne sera pas résolu.

Por ke ni povu aperigi la apartajn ecojn de tio, kio estos la helpanta definitiva lingvo, ĉu ne estas tute evidenta ke estas necesa permesi al la francoj forigi la idiotismojn nekonscie enkondukitajn de la germanoj, kaj reciproke; al la angloj montri, por ke oni ilin forigu, la idiotismojn nekonscie enkondukitajn de la slavoj, kaj reciproke?

Se ne, anstataŭ komuniki al la helpanta definitiva lingvo, la ecojn de ĉiu kaj ĉia natura lingvo, ni starigus lingvon kunigantan la difektojn de ĉiu el el tiuj lingvoj, kaj la problemo, kiun ni celas, ne estos solvita.

***

Voici un exemple remarquable de l'inconséquence, parfois compliquée, qui caractérise certains emplois du suffixe *aĵ*:

*Ŝmiraĵo* = onguent.

Or *ŝmiri* signifiant oindre, *ŝmiraĵo* devrait signifier « chose qui oint, ou chose qu'on oint ».

Mais un onguent ne oint pas, et n'est pas oint; il sert à oindre.

*Ŝmiraĵo* est donc doublement à écarter du dictionnaire définitif de l'Esperanto.

Il y a d'ailleurs bien des cas où *aĵ* est employé d'une manière impropre et abusive, à la place d'un autre suffixe, soit manquant, soit même existant.

Ainsi *aĵ* a été souvent employé, à défaut d'un suffixe spécial manquant à l'Esperanto actuel, pour marquer le résultat d'une action :

Jen rimarkinda ekzemplo de la nekonsekvenco, iafoje malsimpla, kiu karakterizas iajn uzojn de l' sufikso aĵ:

ŝmiraĵo = france *onguent*.

Nu, ĉar ŝmiri signifas *oindre*, ŝmiraĵo devus signifi ion, kiu ŝmiras, aŭ ion, kiun oni ŝmiras.

Sed « *onguent* » ne ŝmiras, kaj ne estas ŝmirita; per ĝi oni ŝmiras.

Ŝmiraĵo estas duoble foriginda el la definitiva vortaro de Esperanto.

Plie, ekzistas multaj okazoj, en kiuj aĵ estas uzata netaŭge kaj trouze, anstataŭ alia sufikso, ĉu neekzistanta, eĉ ĉu ekzistanta.

Tiel oni ofte uzis aĵ, pro neekzisto de speciala afikso en la nuna Esperanto, por montri la rezultaton de la ago:

Exemples:
*diraĵo* = un dire;
*esprimaĵo* = une expression;
*imitaĵo* = une imitation;
*kolektaĵo* = un objet de collection;
*kopiaĵo* = une copie;
*pakaĵo* = un paquet; un colis;
*produktaĵo* = une production;
*rikoltaĵo* = une récolte;
*solvaĵo* = une solution chimique;
*studaĵo* = une étude (sur quelque objet);
*tradukaĵo* = une traduction;
. . . . . .

Tous ces exemples montrent que l'Esperanto actuel a besoin d'un affixe spécial pour indiquer le résultat de l'action, *quand cette indication est nécessaire pour éviter une équivoque.*

Nous avons dit, en son temps, que le suffixe international proposé pour cet usage était le suffixe *ur*, *dont l'emploi se bornera aux cas où une équivoque est à éviter.*

Ĉiuj tiuj ekzemploj montras ke l' nuna Esperanto bezonas specialan afikson por montri la rezultaton de la ago, *kiam tiu montro estas necesa por forigi dusencon.*

Ni jam diris ke la internacion sufikso proponita por tia uzo, estas la sufikso *ur*, *de kiu la uzo limiĝos al la okazoj en kiuj dusenco estas evitenda.*

***

Nous avons donné des exemples d'emploi de *aĵ* à la place de suffixes plus précis et que possède l'Esperanto :

Ni prezentis ekzemplojn de uzo de aĵ, anstataŭanta sufiksojn pli precizajn, kiujn Esperanto havas:

*baraĵo* = clôture, au lieu de (anstataŭ) barilo,
*ligaĵo* = lien, » » » » ligilo,
*lumaĵo* = lueur, » » » » lumeto.

***

Qu'on examine les adjectifs suivants :

Ekzamenu la sekvantajn adjektivojn:

*akvaĵa* = aqueux (qui a la nature de l'eau);
*feraĵa* = ferrugineux;
*haraĵa* = chevelu (qui a des cheveux);
*montaĵa* = montagneux;
*ŝimaĵa* = moisi;
*ŝtonaĵa* = pierreux;
*teraĵa* = terreux;
etc., etc.

Est-ce là l'emploi du aĵ du Fundamento? Et l'emploi fait ainsi de aĵ n'est-il pas d'une inconséquenee manifeste?

Ĉu tio estas uzo de aĵ laŭ la Fundamento? Ĉu tia uzo de aĵ ne estas manifesta nekonsekvenco?

***

Nous avons vu aussi *aĵ* employé comme péjoratif:

*violonaĵi* = racler du violon;
*violonaĵo* = mauvais violon, crincrin;
*butikaĵo* = bibelot (??)
*kritikaĵi* = criticailler;
*skribaĵi* = griffoner.

Ce dernier exemple, dit justement Couturat, est le comble de l'inconséquence: le verbe *skribaĵi* est péjoratif à cause de *aĵ*; mais le substantif *skribaĵo* ne l'est pas!

Telles sont les suites de l'emploi abusif d'un suffixe dans un sens impropre.

C'est, prise sur le vif, l'évolution à la façon des langues naturelles.

Au lieu de « *iom post iom plibonigi la lingvon* », cette évolution, c'est-à-dire cette fantaisie, ce libre exercice de l'ignorance « *iom post iom difektas la lingvon* ».

Ni vidis ankaŭ aĵ uzita laŭ malŝatanta senco:

violonaĵi = malbone ludi per violono
violonaĵo = malbona violono
butikaĵo = bagatela objekto (??)
kritikaĵi = malbone kritiki
skribaĵi = malbone skribi.

Tiu ĉi ekzemplo, diras ĝuste Couturat, estas la plej alta grado de la nekonsekvenco: la verbo skribaĵi estas pejorativa pro aĵ; sed la substantivo skribaĵo ne estas tia!

Tiaj estas la konsekvencoj de la tro libera uzo de sufikso en netaŭga senco.

Tio estas, kvazaŭ fotografita, la evolucio laŭ la maniero de la naturaj lingvoj.

Anstataŭ « iom post iom plibonigi la lingvon », tiu evolucio, estas diri tiu fantaziaĵo, tiu libera uzo de la nescio, « iom post iom difektas la lingvon ».

***

Voici, maintenant, les propositions de Ido:

« *Aĵ*, *joint à un radical non verbal*, indique une « chose faite d'une certaine matière ou possédant « une certaine qualité, ou relative, en quelque ma- « nière, à l'idée du radical: *lanaĵo* = lainage; « *bovaĵo* = viande de bœuf; *molaĵo* = partie molle; « *belaĵo* = beauté (belle chose); *malnovaĵo* = vieil- « lerie ».

« Par extension: *amikaĵo* = amitié (acte amical); « *infanaĵo* = enfantillage ».

« *Avec un radical verbal*, *aĵ* indique la chose qui « subit l'action: *konstruaĵo* = construction (édifice); « *manĝaĵo* = aliments; *trinkaĵo* = boisson; *komerc-* « *aĵo* = article de commerce.

« Il fournit, par conséquent, un sens essentielle- « ment passif, et ne peut s'appliquer à des verbes « neutres comme *rampi*, *esti*, etc.

« Il ne faut évidemment pas employer *aĵ* dans le « sens péjoratif, auquel est réservé le suffixe *aĉ*: « *skribaĵo* = écrit (chose écrite), *skribaĉo* = mau- « vaise écriture; *skribaĉaĵo* = griffonnage.

« Le suffixe *aĵ* ne doit pas s'employer comme « radical; chose se dira *kozo* ».

Jen, nun, la proponoj de Ido:

« Aĵ, *kunigita al neverba radiko*, montras ion « faritan el ia materio aŭ havantan ian kvaliton, aŭ « rilatan, iamaniere, al la ideo de la radiko: lanaĵo « = io lana; bovaĵo = viando de bovo; molaĵo « = mola parto de io; belaĵo = io bela; malnovaĵo « = io malnova.

« Vastiĝante oni diros ankaŭ: amikaĵo = amika « ago; infanaĵo = infana ago.

« *Kun verba radiko*, aĵ montras tion, kio ricevas « la agon: konstruaĵo = tion, kion oni konstruas; « manĝaĵo = tion, kion oni manĝas; trinkaĵo = tion, « kion oni trinkas; komercaĵo = komercala artiklo.

« Konsekvence, ĝi havas sencon esence pasivan, « kaj povas esti aplikata nur al neŭtraj verboj kiel « rampi, esti, k. c.

« Evidente oni ne povas uzi aĵ en pejorativa « senco; al tiu senco la sufikso aĉ estas rezervata: « skribaĵo = io skribita, skribaĉo = malbona skribo; « skribaĉaĵo = io malbone skribita.

« La sufikso aĵ ne estas uzebla kiel radiko; oni « uzos la vorton: *kozo.*

***

Nous le répétons, les propositions de Ido sont présentées à la discussion et à l'expérimentation.

C'est avec infiniment de raison que Couturat, s'est élevé contre l'emploi isolé de *aĵo* avec la signification de chose.

L'emploi isolé de *aĵo* avec le sens abusif de chose, par opposition à *ulo* pour dire une personne ou un

Ni ripetas ke la proponoj de Ido estas prezentitaj por la diskuto kaj la esperimento.

Tute prave Couturat protestis kontraŭ la uzo de aĵo sola, signifanta io, afero.

La uzo de aĵo sola, kun maltaŭga senco de « io, afero » kontraste al ul por montri personon aŭ

être vivant, n'est ni logique ni même conforme à l'usage.

En général, on devrait éviter d'employer des suffixes comme mots isolés, attendu qu'un suffixe exprime une relation et non un concept.

Si un suffixe exprimait un concept, il deviendrait un simple mot ordinaire, et servirait à former des mots composés, et non des dérivés.

On n'emploie jamais *isto* isolé, et avec raison; car *isto* devrait signifier « une personne qui s'occupe de... ».

De quoi?

On n'en saurait rien; à moins qu'on ne réponde : « de n'importe quoi ».

De même, on ne devrait pas employer *ulo*, *aĵo* isolément, car, de par le Fundamento même, on aurait :

*ulo* = « une personne caractérisée par... »
*aĵo* = « une chose caractérisée par... »

Et ceci appelle la question : « par quoi »?

Question qui demeure sans réponse.

Si l'on veut dire: « un homme », on a les mots « *homo* » et « *viro* »; pour dire: « une chose », on n'a que le mot *afero*, qui, malheureusement signifie aussi « affaire » (commerciale ou judiciaire).

De même pour les autres affixes, à moins que le contexte ne montre clairement à quel concept ils sont relatifs; par exemple on pourra dire: *la idoj de la kokino*, ou: *kokino kun siaj idoj*, parce qu'on sait bien quand on parle des petits d'une poule, qu'il ne peut s'agir que de poussins.

***

Le pseudonyme *Ido* ne peut avoir qu'une signification : « *Esperantido* ».

Voilà ce que devraient examiner les vrais amis de l'Esperanto s'ils veulent assurer le victoire de leur « *kara lingvo* ».

***

Encore une remarque pour finir.

Au cours de cette étude sur la dérivation, il a été dit que les radicaux de la langue auxiliaire définitive ne devraient pas avoir de caractère grammatical.

On pourrait nous reprocher d'avoir, en traitant du fonctionnement des affixes, distingué entre radicaux verbaux et radicaux nominaux.

La contradiction qu'on croirait ainsi relever, n'existe pas.

Déjà nous avons dit que on ne trouverait pas, pour toutes les racines, le groupe complet des 4 dérivations immédiates, savoir l'infinitif, le substantif, l'adjectif et l'adverbe.

Ces groupes complets seront relativement rares.

Ce sont les radicaux de ces groupes complets que nous avons appelés, pour le commodité du raisonnement, radicaux verbaux; par opposition nous avons appelés les autres: *nominaux;* il vaudrait mieux appeler ceux-ci: « *radicaux non-verbaux* », car les radicaux verbaux engendrent aussi des noms.

On voit que la contradiction que nous avons prévue, est inexistante.

Notre prochain article traitera des affixes *ek* et *ad*.

B. S.

vivantan estaĵon, estas nek logika, eĉ nek konforma al la uzado.

Ĝenerale, oni devas eviti la uzon de sufiksoj kiel simplaj vortoj, ĉar sufikso esprimas rilaton kaj ne koncepton. Se sufikso esprimus koncepton, ĝi fariĝus simpla ordinara vorto, kaj utilus por formi *kunmetitajn vortojn*, kaj ne *devenaĵojn*.

Neniam oni uzas ist aparte, kaj oni estas prava, ĉar isto devus signifi « persono kiu okupas sin pri.... »

Pri kio?

Tion oni ne scius; almenaŭ oni povus respondi: « pri io ajn ».

Same oni ne povas uzi «ulo,aĵo» aparte,ĉar,laŭ la Fundamento mem, oni ĝin klarigus tiele :

ulo = « persono karakterizata per... »
aĵo = « io karakterizata per... »

Kaj tio postulas la demandon « per kio »?

Demando kiu havas nenian respondon.

Se oni intencas traduki « *un homme* » oni havas la vortojn « homo » kaj « viro »; por traduki « *une chose* » oni havas nur la vorton « afero » kiu, bedaŭrinde, signifas ankaŭ komercan aŭ justecan agon.

Same por la aliaj afiksoj, escepte se la kunteksto klare montras al kiu koncepto ili rilatas; ekzemple oni povus diri : la idoj de la kokino, aŭ kokino kun siaj idoj, ĉar kiam oni parolas pri idoj de kokino, oni tre bone scias ke tio nur signifas kokidoj.

***

La pseŭdonomo *Ido* povas nur havi signifon : « *Esperantido* ».

Jen tio, kion devus ekzameni la veraj amikoj de Esperanto, se ili intencas certigi la venkon de la « kara lingvo »!

***

Ankoraŭ unu rimarko :

En tiu ĉi esplorado pri deveno, ni diris ke la radikoj de la definitiva helpanta lingvo ne devas havi gramatikan karakterizon.

Oni povus riproĉi al ni, en nia diro pri funkciado de la afiksoj, nian distingon inter verbaj kaj nomaj radikoj.

La malakordo, kiun tiel oni intencus starigi, ne ekzistas.

Jam ni diris ke oni ne ricevus, por ĉiuj radikoj, la plenan grupon de la kvar senperaj devenaĵoj, nome : infinitivo, substantivo, adjektivo kaj adverbo.

Tiaj plenaj grupoj estas rilate maloftaj.

Estas la radikoj de tiuj plenaj grupoj, kiujn ni nomizis, por la facileco de la elmontro, verbajn radikojn; kontraste ni nomizis la aliajn: *nomaj;* estus pli taŭga nomizi tiujn ĉi: « *neverbaj radikoj* », ĉar la verbaj radikoj naskas ankaŭ nomojn.

Oni vidas ke la malakordo, kion ni antaŭvidis, estas neekzistanta.

Nia venonta artikolo ekzamenos la afiksojn *ek* kaj *ad*.

B. S.

## DOCUMENTS.

Au sujet de l'élection des membres du Comité de la S. f. p. E., les candidats présentent leur opinion.

Nous avons déjà reproduit les déclarations de Mrs Th. Cart et Jos. Jamin; nous puisons dans « *L'Espérantiste* » les documents suivants:

### Programme de M. Michaux.

Avant tout, je souhaite que règne la paix parmi nos « éminents », qui ont tant fait pour notre cause, et dont le désaccord est nuisible à l'espérantisme.

Je propose qu'aucun espérantiste ou aucun groupe ne lance d'anathèmes contre un autre espérantiste ou un autre groupe : n'imposez pas vos programmes personnels, vos déclarations de fidélité. En agissant comme vous faites, vous éloignez les hommes indépendants qui chercheront une corporation plus libérale.

Laissez tout le monde examiner les langues concurrentes, rêver des réformes ou proposer des améliorations. Chacun n'est-il pas libre de jurer ou non fidélité à notre déclaration de Boulogne ? Comme le dit le Dr Zamenhof « *qui donc défend que quelqu'un en propose le changement ou même le rejet total?* » (Cirkulera letero de D-ro Zamenhof).

Je souhaite que notre langue soit la plus propre possible à enrôler et à réunir tous les adeptes d'un organe d'intercompréhension.

Je pense avec le Dr Zamenhof que, dans la pratique, « *faire des perfectionnements* (à l'Esperanto) *est le rôle non pas de particuliers, mais uniquement d'une institution centrale qui aura pour toute la corporation espérantiste une autorité indiscutable* (Fundamento de Esperanto, p. X).

Pour avoir (chez nous) une autorité indiscutable, je demande que l'ensemble des espérantistes choisissent par un vote régulier et écrit leur représentation. Cette représentation fondera l'*Académie espérantiste* qui décidera de toutes les questions linguistiques, en notre lieu et place. à nous incompétents.

L'Académie remplacera notre Comité linguistique in-organisé que M. Boirac propose de réorganiser. « *Qui donc empêche que les espérantistes le réorganisent eux-mêmes?* » (Cirkulera letero de D-ro Zamenhof).

A supposer qu'une excommunication soit possible à propos de langue, je propose que nul Jupiter ne lance ses foudres au fond de notre Olympe.

Alors il y aura encore des Espérantistes, soit réformistes, soit fundamentistes, soit plus Zamenhofistes que notre cher maître lui-même; mais aucun ne s'opposera aux décisions d'une Académie dont tous auront voté la fondation.

A. MICHAUX.

***

### Déclaration de M. H. Bel.

Les membres de la S.f.p.E. me connaissent, car je fais partie de son comité dès la fondation et j'étais espérantiste plusieurs années auparavant.

Je voterais très volontiers pour un Fundamento, si on voulait bien m'indiquer lequel d'une manière précise et si ceux qui ne jurent que par la déclaration de Boulogne ne l'avaient violée depuis plusieurs années. avec un ensemble touchant, et ne la violaient encore tous les jours, ce qu'il est très facile de prouver.

H. BEL.

## DOKUMENTOJ.

Pri la elekto de la komitatanoj de la S. f. p. E., la kandidatoj montras sian opinion.

Ni jam enpresigis la deklaraciojn de Sroj Th. Cart kaj Jos. Jamin; ni ĉerpas el « *L'Espérantiste* » la sekvantajn dokumentojn :

### Programo de S-ro Michaux.

Antaŭ ĉio mi deziras pacon inter niaj eminentuloj, kiuj tiom faris por nia afero, kaj kies disputoj malutilas por esperantismo.

Mi proponas, ke neniu esperantisto aŭ grupo disdonu anatemojn kontraŭ alia esperantisto aŭ alia grupo : ne altrudu viajn personajn programojn, viajn fidelecajn deklaraciojn. Tiel agante, vi malproksimigos sendependantojn, kiuj serĉos pli liberemanaron.

Lasu ĉiujn ekzameni la konkurantajn lingvojn, revadi pri reformoj aŭ proponi plibonigojn. Ĉu ĉiu ne estas libera ĵuri aŭ ne fidelecon al nia deklaracio de Boulogne? Kiel diras doktoro Zamenhof, « *kiu do malpermesas, ke iu proponu ĝian ŝanĝon aŭ eĉ ĝian tutan forigon?* (Cirkulera letero de D-ro Zamenhof).

Mi deziras, ke nia lingvo estu kiel eble plej taŭganta por varbi kaj kunigi ĉiujn adeptojn de lingva interkomunikilo.

Mi opinias kun D-ro Zamenhof, ke, en praktiko, *fari perfektigadon povas ne apartaj personoj, sed nur ia centra institucio, kiu havos nedisputeblan aŭtoritatecon por la tuta esperantistaro* (Fundamento de Esperanto, p. X).

Por havi *nedisputeblan* aŭtoritaton, mi petas, ke la esperantistaro mem elektu per regula kaj skriba voĉdono sian reprezentantaron. Tiu reprezentantaro fondos la *esperantistan akademion* kiu, anstataŭ ni nekompententuloj, decidos pri ĉiuj lingvaj demandoj.

La Akademio anstataŭigos nian malorganizitan lingvan komitaton, kiun S-ro Boirac proponas reorganizi. « *Kiu do malpermesas, ke la esperantistoj mem ĝin reorganizu?* » (Cirkulera letero de D-ro Zamenhof).

Supozite. ke en lingva afero ekskomuniko estus ebla, mi proponas, ke neniu Zeŭso ĵetu fulmofajron ĝis la fundo de nia Olimpo.

Tiam ekzistos ankoraŭ esperantistoj, ĉu reformemaj, ĉu fundamentistaj, ĉu pli Zamenhofaj ol nia kara majstro; sed neniu kontraŭstaros la decidojn de Akademio, se pri ĝia fondo ĉiu estos voĉdoninta.

A. MICHAUX.

***

### Deklaracio de S-ro Bel.

La membroj de la S. p. f. E. konas min, ĉar mi estas ano de ĝia komitato tuj de la fondo mem, kaj antaŭe mi estis esperantisto jam de kelkaj jaroj.

Tre volonte mi voĉdonus por Fundamento, se oni havus la bonecon montri al mi kiun precize, kaj se la homoj, kiuj ĵuras nur per la Bulonja deklaracio, ne estus malobeintaj ĝin de kelkaj jaroj kun tuŝanta konsento, kaj se ili ĝin ankoraŭ ĉiutage ne malobeus, kiel oni povas pruvi tre facile.

H. BEL.

---

### Letero de Sro René Lemaire.

Okaze de l' artikolo sube aludita, S-ro René Lemaire sendis al Paris-Esperanto leteron, kiun ĝi ne enpresis. Vere nia kunfrato ne havis la devon akcepti. Kiel dokumentojn ni publikigas la leteron de S-ro R. Lemaire kaj la respondon de nia kunfrato.

*Epernay, 11an de Marto 1908.*

SINJORO,

Ĉu vi volas permesi al mi vin peti, ke vi akceptu en « Paris-Esperanto » kelkajn konsiderojn, kiujn inspiras al mi noto de artikolo aperinta en via numero de lasta marto ; tio ĉi estas por mi okazo alporti mian kontribuon al iom delikata diskutado, kiun mi observis kun granda interesiĝo. La noto de via paĝo 63 de la marta numero diras tion ĉi : « En sia 11a cirkulero, publikigita en la numero de januaro de l'*Espérantiste*, S-ro Boirac parolas pri membro de la Lingva Komitato, kiu deklaras « ke la Lingva Komitato ne estas sufiĉe rajtigita por solvi la « demandon ; ke ĝi havas rajton nur tre pridubeblan sin miksi « en ĝin. Scii kiu estas tiu kolego prezentus grandan intereson.»

Nu, ne serĉu. Tiu unika kolego de la L. K. estas mi, kvankam mia opinio estas tradukita tiel malmulte laŭtekste en la cirkulero, ke mi estus rekoninta ĝin iom malfacile, se ĝi ne estus citita kiel unika en sia speco.

Permesu, ke por esti pli kara mi citu iom longan ekstrakton

de la letero, kiun mi skribis al la prezidanto de la Lingva Komitato. la 14$^{an}$ de novembro 1907 :

« Pri la formo, mi skribis, ŝajnis al mi, ke ni ne devas miri
« nek ofendiĝi pro la decido de la Delegacio... Rilate al la mon-
« tro de l' reformoj, kiujn oni devus fari laŭ ĝia opiuio, mi
« pensas, ke ni ne estus pravaj, se ni ĝin riproĉus pro tio ;
« kontraŭe, se ĝi kritikus Esperanton, ne montrante per kio ĝi
« deziras, ke oni plibonigu ĝin, ni havus la rajton riproĉi la
« Delegacion kaj esti nekontentaj, ke ĝi faras laboron negativan
« kaj nefiksitan ».

« La demando, kiu ŝajnas al mi la plej embarasanta, estas
« scii, kiu rajte povas akcepti aŭ rifuzi la reformojn. Mi vidas
« nur D$^{on}$ Zamenhof, kiu havus tiun ĉi rajton ; kaj ŝajnas al mi,
« ke la tuta rolo de la Lingva Komitato povos esti nur uzi sian
« influon, por ke li akceptu aŭ rifuzu. La Lingva Komitato ne
« estas parlamento de Esperanto kaj ĝi ne havas rajton por
« paroli en la nomo de l' Esperantistoj. — Kiu ajn estos la de-
« cido farota, certe disiĝo fariĝos : unuj preferos konservi Es-
« peranton tian, kia ĝi estas, — aliaj aliĝos al Esperanto ŝan-
« ĝita. Ĉar certe la reformo fariĝos, la tuta demando estas scii,
« ĉu ĝi aperos kiel simpla sekvo de Esperanto, kies nomo estus
« konservita laŭ konsento de Zamenhof, — aŭ kontraŭe ĉu ĝi
« aperos kiel nova sistemo sub nova nomo. Mi opinias, ke ni
« devas tiamaniere konsideri la aferon, kaj pro tio, por la kon-
« servo de l' nomo de Esperanto kaj de ĉio ligita kun ĝi, mi
« inklinas al akcepto de reformo, kun la rezervo scii, ĉu ni ne
« devas peti la Delegacion ĝin proponi malpli profunda ».

Nu, mi pensas, ke la opinio, kiun mi eldiris, estas prudenta. D$^{ro}$ Zamenhof estas same propraĵulo de l' nomo Esperanto, kiel industriisto, estas propraĵulo de fabrika marko aŭ de tio, kion oni nomas « la komerca nomo ». Aliflanke kiam oni postulis de la Lingva Komitato, ke ĝi forĵetu aŭ akceptu projekton de reformo por Esperanto, tiu Komitato efektive havis kion por fari ? Ĉu decidi la demandon scii, ĉu tiu reformo estus aŭ ne farita ? ne, ĉar kiam grupo da tiaj homoj, kiaj estas la homoj de la Delegacio, kies nek sciencon, nek kompetentecon, nek aktivecon oni povas nei, decidis, proponi reformon, ni devas rezigni : tiu ĉi reformo aperos ; ĝi estos publikigata kaj eĉ propagandata. — Kion do oni povis peti de la Lingva Komitato ? tute simple diri, ĉu tiu ĉi reformo estos farata kun ĝia kunhelpo kaj en la nomo de Esperanto, — aŭ ĉu kontraŭe oni devos forlasi tiun entreprenon al la ekskluziva iniciativo de la Delegacio. Kaj pri la demando tiel komprenita (ĉar tio ĝi ŝajnas al mi la sola praktika maniero ĝin kompreni) mi respondis, ne « ke la Lingva Komitato havas nur tre pri dubeblan rajton sin miksi en la demandon », kiel tradukas iom neĝuste la cirkulero sed ke, ĉar la Komitato ne povas decidi mem, ĝia rolo estas agi sur D$^{on}$ Zamenhof por ke li akceptu aŭ rifuzu, ĉar Zamenhof estas reale la sola propraĵulo de l' nomo de Esperanto.

Sed nun ni konas la respondon de D$^{ro}$ Zamenhof : li rifuzas. Afero estas do certa : la reformo, kiu estos proponata, ne povos sin rekomendi per la nomo Esperanto ; ĝi ne povos esti la entrepreno de l' esperantistaj organizaĵoj. Sed aliflanke oni ne povas dubi pri tio ĉi, ke ĝi estos proponata al la mondo ; komparo estos farata ; se la projekto Ido, aŭ ĉu alia prezentanta la reformon, estos venkita, Esperanto restos la lingvo internacia de l' mondo ; se kontraŭe la projekto akiros la simpatiojn kaj la preferojn, ĝi venkos, kaj ĝi venkos sub sia propra nomo kaj oni ne povos kulpigi ĝin pri plaĝiato, ĉar per la buŝo de Zamenhof Esperanto estos rifuzinta esti asociato en tiu hipotetika sukceso. — Oni ludas ĉion por ĉio.

La batalado por la superpotenco okazos en la publiko mem, anstataŭ esti aranĝita per diplomatia negociacio, se mi povas uzi tiun ĉi komparon. Sekve ĝi fariĝas multe pli ŝancoduba kaj komplikita, ĉar la supereco, se estas supereco, iom malrapide vidiĝos kaj la preferoj same malrapide deklariĝos. — S$^{ro}$ de Beaufront, en tiaj kondiĉoj, estas perfekte prava dirante : « Ni daŭrigu kvazaŭ nenio fariĝus ». — Estos la propra tasko de l' reformo — Ido aŭ alia — venki per siaj propraj rimedoj, — kaj se ĝi reale havas valoron, ĝi ricevos venkon. Dume, ni rigardas.

Ŝajnas al mi, ke tiuj simplaj konsideroj devus fari finon al ĉiuj malbonsupozantaj procesoj, kiujn ni vidas faratajn. Ĉar malgraŭ ĉio mi ne povas pensi, ke oni volas vidi funkciadi esperantistan Inkvizicion, observantan niajn gestojn kaj niajn intencojn, kaj malpermesantan, ke ni studu — laŭ la simpla rajto kaj la simpla libereco de ĉiu homo pensanta — tion, kio okazos ĉirkaŭ ni.

Kaj nun se oni trovus tiun ĉi publikan bataladon danĝera, tiun ĉi kvazaŭ neprecizan « vokon al popolo » kapabla naski la anarkion, kaj tre grande ĝeni la progresadon de l' ideo mem de lingvo internacia, tiasupoze oni donu al la « popolo Esperantista *konstitucion* kiel opinias S$^{ro}$ de Beaufront, mi pensas ; — oni donu al ĝi la regulan « parlamenton », tiun rajtohavan aŭtoritaton, kiun mi rifuzis kaj kiun mi rifuzas trovi, tre prave — mi pri tio estas konvinkita — en la Lingva Komitato. Sed tie ĉi ni estos antaŭ alia demando ; cetere mi opinias, ke ĝi estas demando tre interesanta kaj grava, kvankam malfacile solvebla; tial mi ne volas ektrakti ĝin detale.

Mi antaŭe vin dankas pro la akcepto, kiun vi faros al mia letero, mi esperas, kaj mi petas, sinjoro, ke vi akceptu mian tre sinceran saluton.

René Lemaire.

*Paris, le 21 mars 1908.*

Monsieur,

Nous avons bien reçu votre lettre du 11 mars qui nous dit que vous êtes le membre du *Lingva Komitato* auquel fait allusion la note de la page 63 du numéro de *Paris-Esperanto* de mars 1908 : « Dans sa onzième circulaire, publiée dans le numéro de janvier de l'*Espérantiste.....* »

Le président du Lingva Komitato, à qui nous avons transmis votre lettre, nous répond : « M. Lemaire se trompe, la phrase en question ne le vise pas, mais elle fait allusion à un autre membre du *Lingva Komitato* dont elle reproduit *littéralement* l'opinion ».

Le conseil d'administration de notre groupe, auquel cette correspondance a été soumise, estime que, dans ces conditions, il n'y a pas lieu de publier votre lettre.

Veuillez agréer, Monsieur, nos bien sincères salutations.

Chaussegros,
secrétaire.

1° Per tiu ĉi letero, vidiĝas ke estis ne « unu » sed almenaŭ « du » kolegoj por esprimi dubojn pri la rajto de la Lingva Komitato. Sinjoro Lemaire sin kredis celita ĝuste pro trio, ke oni montris nur unu kolegon kial havintan tiun opinion.

2° La letero de S$^{ro}$ Lemaire, tre simpla, neniel batalema, kiel oni vidis, alportis en la nun diskutataj demandoj kontribuon kapablan interesi. Cetere S$^{ro}$ R. Lemaire ĝin prezentis nur pro tio — kiel ni mem faras — kaj li ne postulis kvazaŭ li havus rajton. Oni do ne komprenas la rifuzon de *Paris-Esperanto*..

3° Car S$^{ro}$ de Beaufront ne ricevis la cirkulerojn rilatajn al la Delegacia afero kaj devis skribi por ilin havi de la Lingva Komitato (li neniun kulpigas, sed simplan fakton konstatas), S$^{ro}$ de Beaufront ne voĉdonis pri tiu ĉi afero. Cetere li ne kaŝas, ke se li opiniis, ke la Esperantistaro devis almenáŭ pro ĝentileco atendi la respondon de la Lingva Komitato, ĉar la Delegacio estis turninta sin al ĝi, li kun persono respektegema por tiu ĉiu Komitato opinias, ke ĝi ne havis rajton en la cirkonstanco. Ĝi efektive estas nur sekretariaro, lingva konsilantaro por D$^{ro}$ Zamenhof, *laŭ tre formala volo de la Boulonje'aj kongresanoj*, sed *ĝi neniam ricevis por io delegon* **de la Esperantistaro.**

---

## 4$^{a}$ Internacia Esperantista Kongreso

(DRESDEN, 16-22$^{a}$ DE AŬG. 08).

**PREZENTADO DE « IFIGENIO EN TAŬRIDO ».**

dramo de Goethe, traduko de L. L. Zamenhof.

*Tre estimata Samideano!*

La aranĝoj, kiuj en niaj kongresoj plej efike kaj grandioze pruvis la mirindan paroleblecon kaj kompreneblecon de nia lingvo, kiuj plej bone konvinkis ĉiujn dubantojn, kaj kiuj estis priparolataj kiel mirindaĵo eĉ de multaj nefavoraj gazetoj, sendube estis la **teatraj prezentadoj.** Jam trifoje montriĝis, ke plej diversnaciaj aktoroj, studinte hejme sian rolon kaj preskaŭ sen provoj, kun surprizanta precizeco kaj facileco interparolas kaj interkomprenas sur la scenejo, kaj same facile kaj senpere estas komprenataj de la plej diversnaciaj aŭskultantoj. Trifoje la entuziasma ĝojo pri la sukceso de la grava eksperimento ripetiĝis.

Ĉu ne estus grandega gajno por nia afero, se ni povus havi, kiel en la naciaj lingvoj, ankaŭ en nia internacia lingvo perfektajn prezentadojn, faratajn de famaj aktoroj ?

Unue tia perfekta prezentado de metiaj aktoroj estus bonega allogilo al la kongreso por la ĉiulandaj samideanoj. Ĉar por la progresado nepre estas necese, ke unu kongreso superu la alian, ke ĉiu kongreso montru novajn pliperfektajn uzojn de nia lingvo, ke la programo de la kongresoj ĉiujare pliriĉiĝu, ke eĉ por la partoprenintoj de ĉiuj antaŭaj kongresoj ĉiu nova kongreso prezentu novajn gravajn okazaĵojn.

Aliflanke teatraj prezentadoj farataj, ne diletante de kelkaj samideanoj nur pro la bela entuziasmo por nia afero, sed kun profesia perfekteco de lertaj kaj konataj aktoroj havus grandegan propagandan forton. La neesperantista publiko kaj la ĉiutaga gazetaro estus devigataj, ne plu paroli pri esperantaj prezentadoj kiel pri infanaj ludaĵoj, kiel pri strangega, malsaĝa kaj senvalora ideo de la Esperantistoj. La montrita plano ekscitus almenaŭ la intereson eĉ de la plej forte dubantoj, kaj sukcesplena efektiviĝo konvinkus grandegan parton da ili kaj alkondukus al nia ideo amason da novaj adeptoj.

Precipe en Germanujo, la lando de la venonta kvara kongreso, ne estas imagebla pli bona propagandilo por nia lingvo. Kian bruon ekscitus la fakto, ke iu literatura ĉefverko, estos ludata de bonega aktoraro, gvidata de famekonata aktoro, en la ĝis nun malmulte ŝatata kaj ofte mokata lingvo Esperanto! La konverto de multaj miloj estus certa!

Ni estas feliĉaj povante sciigi al vi, ke Sro **Emanuel Reicher**, ĉe la Lessingteatro de Berlin, unu el la plej konataj germanaj aktoroj, estas preta subteni nian planon kaj prepari kun bonega metia aktoraro unuagrade artistan prezentadon de **esperanta teatraĵo por la kvara kongreso en Dresden.** Kiel ludotan dramon Sro Reicher proponis la eminentan verkon de Goethe:

**IFIGENIO EN TAŬRIDO.**

Tiu ĉi bone konata mitologia materio. jam traktita de la granda greka tragediisto, Eŭripides, trovis sian plej altan poezian kaj psikologian esprimon en la dramo de Goethe. Nia Majstro, **Sro Dro Zamenhof**, tutkore konsentis, kaj afable plenumante nian peton, li mem faras la tradukon. Do ĉiuj idealaj kondiĉoj por la bona sukceso de la plano ŝajnas plenumitaj. Unu el la ĉefverkoj de la germana literaturo, en bonega traduko de nia Majstro, prezentata en plej perfekta kaj artista maniero.

Sed Sro Reicher, montrante al ni sian pretecon kaj ofereman volontecon, atentigis nin, ke sufiĉe altaj kostoj por la entrepreno estas tute ne eviteblaj.

Tamen ni ne volis forlasi nian planon, tiel gravan por la sukceso kaj la definitiva venko de nia lingvo precipe en Germanujo. Ĉar se efektiviĝos kaj bone sukcesos la prezentado en Dresden. Sro *Reicher intencas fari rondvojaĝon kun sia aktoraro kaj ripeti la prezentadon en diversaj urboj.* Tiamaniere ĉie estus farata propagando en grandioza maniero, ĝis nun ne konata!

Laŭ la dirito estas tute neeble, senpage prezenti al la kongresanoj la teatraĵon; ni kredas, ke la samideanoj volonte faros monoferon. Ĉar unue ili mem havos grandan kaj solenan ĝuon per la prezentado; kaj due ne nur traktas pri ilia propra ĝuo, *sed precipe pri tre grava kaj sukcespromesa propagando por nia afero.*

Ni do konsentis kun la *Centra Oficejo* kaj la *Kvaro por la Kvara* pri jena aranĝo: Por antaŭe garantii la entreprenon kaj ebligi la preparojn estas necese, ke ni vendu kiel eble plej baldaŭ **600 biletojn po 20 markoj.**

Ni estas certaj, tre estimata Samideano, ke vi estas preta, mem fari tiun oferon al nia afero aĉetante kelkajn biletojn kaj ke vi volonte varbos aliajn oferemajn samideanojn, en via urbo kaj lando. Ni do petas vin, diskonigi nian planon inter personoj, kiuj laŭ via opinio, volonte luprenos unu aŭ kelkajn lokojn.

Nun ni petas ĉiujn, kiuj volas helpi en la dirita maniero, sciigi al ni sian pretecon *kiel eble plej baldaŭ* kaj mendi biletojn per la aldonita poŝtkarto kaj sendi la monon — 20 markoj = 10 spesmiloj po loko — al **Sro Jules Borel, Berlin, Prinzenstr. 95.** Tuj vi ricevos la kvitancojn, kiuj valoras kiel provizoraj biletoj, kontraŭ kiuj oni povos interŝanĝi en Dresden la definitivajn biletojn. Mendojn sen mono ni ne povas plenumi. Precipe ni atentigas pri tio, ke la unuaj mendantoj ricevos la plej bonajn lokojn. Estas do tre rekomendinde, *tuj* sendi la mendojn kaj la monon.

Kompreneble ankaŭ tiuj, kiuj pro iaj motivoj ne povos viziti la kongreson, sed deziras helpi al ĝia sukceso, volonte luprenos lokojn por eble donace doni ilin al aliaj Esperantistoj.

Ankoraŭ unufoje ni petas vin, estimata Sinjoro kaj Samideano, ke vi bonvolu konsideri la gravecon de la entrepreno, la mirindan akcelon, kiun povas akiri per ĝi la disvastiĝo de Esperanto, precipe en la dubema Germanujo, kie la kontraŭuloj ne silentas ĝis nun. Tiam vi ne rifuzos vian helpon al nova kaj efika riĉigo de niaj kongresoj.

Atendante vian plej baldaŭan afablan respondon, ni petas vin akcepti la esprimon de nia samideana sindoneco kaj de nia alta respekto.

Berlin, en Marto 1908.

**Dro Mybs, Dro Schramm, M. Hankel, Dro Arnhold**
(Kvaro por la Kvara.)
**Prof. C. Bourlet, Generalo Sebert,**
**Pastro F. Schneeberger, Jules Borel, Dro Liesche.**

*La entreprenon, pri kiu parolas ĉi tiu letero, mi trovas tre bona kaj tre utila por la propagando de Esperanto, kaj al ĉiuj niaj amikoj mi plej varme rekomendas, doni al la entrepreno sian helpon.*

*L. L. ZAMENHOF.*

---

*Belga Sonorilo* akceptis publikigi tiun dokumenton. Ni ne havas fidon pri la sukceso kaj deziras tion diri, ĉar se la entrepreno malsukcesus, tio estus terura argumento por la skeptikuloj kaj por niaj malamikoj. Ni opinias ke tia uzo de la helpanta lingvo estas nun erara, ĉar la lingvo nur formiĝas kaj oni tre malrapide malkovras ĝiajn « ecojn », kiel tiel ĝuste diris frato Izidoro.

---

## Al la Belgaj Grupoj.

Niaj Belgaj samideanoj bonvolu atenti la leteron de Sro Dro Briquet, prezidanto de l' grupo el Armentières. Ni esperas ke almenaŭ kelkaj belgoj ĉeestos al tiu festo; niaj samideanoj el Charleroi kaj el Mons certe intencos respondi al la alvoko de niaj francaj amikoj. Tio estas necesa kaj eĉ utila pro estonta reciproka helpo.

*Armentières, la 20an de Aprilo.*

ESTIMATA SAMIDEANO,

Nia Grupo organizas grandan regionan Feston, kiu okazos la 28an de junio 1908.

Ni opinias ke la sukceso de tiu festo povos multe influi la progresojn de nia kara lingvo.

Tial, samtempe kiel nia kunvenego, ni faros eĉ Ekspozicion por montri al la publiko ke nun Esperanto estas, ne ia projekto pli aŭ malpli atentinda, sed efektivaĵo praktika kaj nediskuteble utila.

Ni havas la honoron peti de via Grupo la sendon de unu aŭ kelkaj delegatoj. Ili trovos tie ĉi la plej gravan grupon el Norda Departemento, kaj ni ne dubas, ke ili konservos ĉiam la plej agrablan memoron pri sia ĉeesto en nia urbo.

Bonvolu konigi al mi, kiel eble plej baldaŭ, vian decidon pri la jena invito, kaj akceptu antaŭe mian tre sinceran dankon.

Korege kaj respekte via.

*La prezidanto,*

Doktoro BRIQUET.

rue Nationale
à Armentières (Nord)
France.

---

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Antwerpen.** — Op Zaterdag 11sten April had de laatste les plaats van den Esperanto-cursus, door M. Van der Biest-Andelhof gegeven in de Antverpena Grupo Esperantista.

Buiten het gewoon publiek van den leergang waren vele andere leden der groep tegenwoordig: immers men wist, dat ter gelegenheid van het sluiten der winterlessen de leerlingen van M. Van der Biest eene betooging van sympathie aan hunnen leeraar zouden gebracht hebben.

Na de les nam Mevrouw Claessens in naam van de bijwoners van den cursus het woord; zij drukte in sierlijk Esperanto haren dank uit voor de toewijding, die M. Van der Biest voor het Esperanto aan den dag legde en bood hem in naam der leerlingen een prachtige schilderij aan geteekend Posenaer. De heer Van der Biest bedankte in eenige ontroerde woorden en beloofde altijd op de bres te staan voor de geliefde zaak.

De heeren Champy en Van Melckebeke brachten den dank van het Bestuur aan den heer Van der Biest, die reeds ten derden male met onvermoeibaren ijver den leergang van Esperanto gegeven had.

De heer Charles Struyf richtte een vriendelijke aanspraak aan Mev. Van der Biest en overhandigde haar, namens de leden van den A. G. E. een prachtige bloemenschoof.

Ten slotte deden Mwen Claessens en Swagers eenige liederen hooren, die op een geestdriftig applaus onthaald werden.

GRUPANO.

— De Antwerpsche esperantisten hebben zich waarlijk niet te beklagen over de ondersteuning der plaatselijke dagbladpers. « Le Matin » kondigt regelmatig de kleine nieuwsjes over Esperanto af, z. a. het ontwerp der esperantische opvoering van « Iphigenie in Tauris » tijdens het Dresdener congres, het internationaal congres der handelsbedienden in Onzijdig-Moresnet, de uitslagen van het examen ter begeving van het diploma van professorale bekwaamheid in Esperanto en behelst daarenboven in zijn nummer van 11n April een zeer merkwaardig hoofdartikel onder opschrift « La langue universelle ». « Volkstribuun », dagblad van de federatie der vakbonden, neemt in haar nummer van 19-20 April eene vertaling op van een lang en welgestaafd artikel over de wereldtaal Esperanto », geteekend Heinrich Peuss en oorspronkelijk gedrukt in de « Sozialistische Monatshefte » van 16n Maart 1908. Het « Handelsblad » van 18-19 April eindelijk, bevat onder het opschrift « Rood Kruis en Esperanto » een zeer lezenswaardig artikel vertaald uit « la Voĉo de la Kuracisto ».

— De reeks voordrachten over « Eerste hulp bij plotselinge ongevallen », gegeven door den heer Dr W. Broeckaert aan de Berchemsche afdeeling van het Roode Kruis, werd op 13n April gesloten.

Bijna 40 toehoorders hebben den leergang regel-

**Antverpeno.** — Sabaton, la 11an de Aprilo, okazis la lasta leciono de l' Esperantokurso instruita de Sro Van der Biest-Andelhof en la Antverpena Grupo Esperantista. Kune kun la ordinara aŭdantaro de l' kurso ĉeestis multaj aliaj grupanoj; oni ja sciis ke, okaze de l' fermo de la vintraj lecionoj la lernantoj de Sro Van der Biest faros elmontron de simpatio al sia profesoro.

Post la instruado, Sino Claessens, je l' nomo de l' geĉeestintoj de l' kurso petis la parolon, kaj per eleganta Esperanto esprimis sian dankon por la sindonemo elmontrita de Sro Van der Biest por Esperanto; ŝi donacis lin per belega pentraĵo, subskribita Posenaer.

Sro Van der Biest dankis per kelkaj tuŝantaj paroloj kaj promesis ke li estos ĉiam « sur la breĉo » por la amata afero.

Sroj Champy kaj Van Melckebeke esprimis la dankemon de l' Komitato al Sro Van der Biest, kiu jam la trian fojon, kun senlaca laboremo, instruis la kurson de Esperanto.

Sro Charles Struyf adresis afablan paroladeton al Sino Van der Biest kaj prezentis al ŝi, je l' nomo de la A. G. E., belan florgarbon.

Fine Sinoj Claessens kaj Swagers kantis kelkajn kantojn, kiujn oni entuziasme aplaŭdis.

GRUPANO.

— Vere la Antverpenaj esperantistoj ne devas plendi pro la apogo de la loka ĵurnalaro. « Le Matin » regule publikigas la malgrandajn novaĵojn pri Esperanto, ekz. la projekton pri Esperanta teatra reprezentado de « Ifigenio en Tauris'o » dum la Dresdena kongreso, la internacian kongreson de komercaj oficistoj en Neŭtrala Moresnet, la rezultatojn de la ekzameno por la akiro de diplomo pri profesora kapableco en Esperanto, kaj enhavas plie en sia numero de la 11a de Aprilo tre rimarkindan, ĉefan artikolon sub la titolo « La langue universelle » (La tutmonda lingvo). « Volkstribuun », (Popola tribuno), ĵurnalo de la Federacio de profesiaj societoj, enmetas en sia numero de la 19-20a de Aprilo tradukon de longa kaj bone dokumentita artikolo « Over de wereldtaal Esperanto » (Pri la tutmonda lingvo Esperanto), subskribita Heinrich Peuss kaj originale presita en la « Sozialistische Monatshefte » (Socialista monata revuo) de la 16a de Marto 1908. Fine « Handelsblad » (Komerca ĵurnalo) enhavas sub la surskribo « Rood Kruis en Esperanto » (Ruĝa Kruco kaj Esperanto) tre legindan artikolon, tradukitan el « la Voĉo de la Kuracisto ».

— La serio da paroladoj pri la unua helpo ĉe subitaj akcidentoj, donitaj de Sro Dro W. Broeckaert en la Berchema sekcio de la Ruĝa Kruco, finiĝis je la 13a de Aprilo.

Ĉirkaŭ 40 aŭdantoj ĉeestis la kurson kaj formas

matig gevolgd en vormen thans, midden in de Berchemsche afdeeling van het R. K., eene kern van degelijke esperantisten.

Bij het einde der laatste voordracht, werd in een sierlijke rede, door den heer Philips aan den sympatieken leeraar den dank zijner talrijke leerlingen uitgedrukt, die hem een uitgekozen verzameling werken over Spaansche literatuur ten geschenke gaven. Hoewel bekwaam en overtuigd esperantist, legt Dr Broeckaert zich ook op de studie van andere spraken toe en beoefent hij met goed gevolgd de taal van Cervantes.

Dr Broeckaert is voor alle esperantisten een lofwaardig voorbeeld van onvermoeibare en geestdriftige propaganda.

nun, meze de la Berchema sekcio de la R. K., kernon da taŭgaj esperantistoj.

Je la fino de la lasta parolado Sro Philips, per eleganta esperanta parolado, esprimis al la simpatia profesoro la dankon de liaj multnombraj lernantoj, kiuj donacis lin per elektita kolekto da libroj pri Hispana literaturo. Kvankam lerta kaj konvinkita esperantisto, Dro Broeckaert sin okupas ankaŭ pri la studado de aliaj fremdaj lingvoj, kaj sukcesplene kulturas la lingvon de Cervantes.

Dro Broeckaert estas por ĉiuj esperantistoj laŭdinda ekzemplo de nelacebla kaj entuziasma propagando.

---

## Ĉiujara Grupa kunveno de l' Pioniro.

Ĝi okazis la dimanĉon, 29an de Marto, en la *Casino des deux Luxembourgs*, rue des Princes, 12, en Bruselo.

La Prezidanto, Sro Blanjean, malfermis la kunsidon je la 10a matene kaj ni aŭdis plezure diversajn raportojn, kiuj konstatas unuvoĉe la prosperan antaŭeniradon de la brusela grupo.

Fino *De Luyck*, helpanta sekretariino, raportis pri la lasta ĝenerala kunveno.

Sro *Solot*, bibliotekisto, konigis la jam atentindan situacion de la biblioteko, kiu enhavas kolekton da pli ol 250 esperantaj verkoj, amason da muzikaĵoj kaj ricevas abone la plej ŝatindajn produktaĵojn el la esperanta presaro.

La favora situacio de la kaso, prezentita de la ŝparema kasisto, Sro *Vandersleyen*, estas ja kontentiga : enspezoj, 1034 fr.; elspezoj, 756 fr.

Oni aprobis ankaŭ la projektitan budĝeton por la proksima jaro : ĝi enhavas sumon da 300 fr. dediĉotan al la propagando.

Fine Sro *Chalon*, sekretario, legis sian ĝeneralan raporton, kiu, laŭ unuvoĉa decido, estas dissendota al ĉiuj grupanoj. Jen la teksto :

Sinjorinoj, Sinjoroj,

Raporti pri la agado de nia Grupo kaj pri la rezultato de tiu agado estas por via sekretario plej agrabla misio.

Simpla kaj rapida montrado de la plej rimarkindaj okazintaĵoj dum tiu pasinta jaro sufiĉos por pruvi ke la organizado de grupo kuniganta la bruselajn esperantistojn estis nepra necesaĵo por la propagando kaj la disvastigado de la Zamenhof'a lingvo, ne nur en la ĉefurbo, sed ankaŭ en ĝia ĉirkaŭaĵo kaj eĉ en la cetera parto de nia lando.

Dank' al la kuraĝa klopodado de fervoraj adeptoj de l' Esperanto, ĉu per publikaj paroladoj, ĉu per artikoloj de nia gazetaro, ĉu per kursoj, la nombro de la bruselaj esperantistoj pligrandiĝis ĉiujare. Tamen la rezultato atingita ne rilatis sufiĉe al la senĉesa laborado de la unuaj pioniroj. Efektive, aŭdi kurson, korespondadi kun alilandaj samideanoj kaj legi de tempo al tempo esperantan gazeton aŭ revuon, tio ne sufiĉas por perfektigi la lingvan konon. « Unuigo donas fortecon » jen nia nacia devizo, kaj oni povas certe apliki ĝin al la lernado de la lingvoj ĝenerale kaj de l' Esperanto speciale.

Fondita la 10an de Februaro 1907, la Brusela Esperantista Grupo akceptis sian regularon kaj elektis sian komitaton la 24an de l' sama monato. La unua grupa kunveno okazis la 13an de Marto; de tiam la kunvenoj okazas regule la merkredon, laŭ decido ĝenerale akceptita.

*Biblioteko.* — La komitato prizorgis unue la starigadon de biblioteko enhavanta diversajn esperantajn gazetojn kaj revuojn, kaj la ĉefajn verkojn eldonitajn.

Dank' al donacoj ricevitaj precipe de la Multlingva Klubo, de la Belga Ligo Esperantista, de la Belga Sonorilo kaj de privataj personoj, inter kiuj Sinjoroj Blanjean, Luis Carlos, kaj Kto Lemaire, nia kolekto da verkoj fariĝis baldaŭ riĉa kaj diverseca. Al la donacintoj ni reesprimas nian koran, sinceran dankon. La raporto de nia agema Bibliotekisto montras sufiĉe l' utilecon de lia ofico kaj la pli kaj pli gravajn servojn liverotajn de biblioteko atenteme prizorgita.

*Belga Ligo Esperantista.* Laŭ decido esprimita en ĝia regularo, la *Pioniro* aliĝis al la Belga Ligo Esperantista kaj delegis al la komitato du el siaj membroj : Finon Guilliaume kaj Sron Chalon.

Per la Ligo, la plimulto de la belgaj esperantistoj estas kunigitaj en potenca grupo, kies rolo povas fariĝi tre grava. Estas dezirinde ke ni daŭrigu nian kunlaboradon en tiu direkto.

*Paroladoj.* Inter la plej agemaj paroladistoj, kiuj dissemis la bonan semon tra nia hejma lando, ni citos precipe Sron Komandanton Lemaire, — nian Prezidanton, Sron Blanjean — kaj nian vicprezidanton, Sron Cardinal. Oni permesu al ni insisti speciale sur la rimarkinda agado de tiu lasta, kiu, unu el la plej novaj adeptoj, multobligis sian kunlaboradon kaj diskonigis fruktodone en la plej diversaj centroj nian belan, karan lingvon.

*Kursoj.* La suprealuditaj paroladoj rikoltis belan sukceson kaj ŝatindan rezultaton. Dank' al ili, kursoj estis organizitaj en Bruxelles, Laeken, Ixelles, Nivelles, Mons, Charleroi, Namur kaj Arlon, k. c. La plimulto el la profesoroj apartenas al nia Grupo. Flanke de la malnovaj. Soj Blanjean kaj Verbanck, ni vidas nun Finojn Lecointe kaj Simon, Srojn Coox kaj Cardinal. La nombro de la kursoj pligrandiĝas, la lernantoj ĉeestas pli kaj pli multnombraj; ĉe iaj kursoj, oni kalkulas pli ol 100, eĉ pli ol 150 lernantoj. Tiel la belga esperantistaro fariĝas neĝa bulo; ni plezure atentigas vin pri la parto-

preno de la *Pioniro* al tiu sukcesplena movado.

*Ekskursoj.* Dum la somera sezono, kiam, pro la premanta varmo, la bruselanoj preferas la freŝecon de la kamparaj vojetoj kaj de la arbaraj densaĵoj al la temperaturo de sia laborĉambro, la *Pioniro* organizis ekskursojn al kiuj estis invititaj ne nur ĝiaj anoj sed ankaŭ, en celo de propagando, iliaj familioj kaj amikoj. Tiuj ekskursoj faritaj al Woluwe, Boitsfort, Linkebeek, Groenendael, Meysse, k. c. havis bonegan rezultaton, ĉar ili donis al la Pioniranoj plej agrablan okazon por interkonatiĝi kaj por akiri plej korektan kaj fluan uzadon de la lingvo.

*Akceptadoj.* Unu el la plej agrablaj kaj ŝatindaj propraĵoj de internacia komunikilo estas gastamemo. Ju pli multnombraj estas la internaciaj rilatoj, des pli oftaj estas la okazoj ekzerci tiun antikvan kaj honorindan virton.

Dum la pasinta jaro, ni havis la grandan plezuron akcepti kelkajn el niaj fremdaj samideanoj, inter kiuj : S. Lundgren, el Hedemora (Svedujo); S. Hanauer, el Frankfurt; S. Blaise, el Parizo; S. Van Schoor, el Antverpeno; S. Vogler, el Hamburgo; S. Baldow, el Häringen (Germanujo); S. Zacherl, el Passau (Bavarujo); S. Pastro Frohns, el Warstade (Germanujo); S. Saĥarov, el Ardetov (Rusujo).

De nun, ĉar la ĵurnaloj kaj jarlibroj diskonigis nian ekzistadon, ni povas esperi ke ĉiu fremda verdstelulo, pasante tra Bruselo, konsideros kiel agrablan devon viziti nian grupon. Koran bonvenon li ĉiam ricevos.

*Kongreso.* Ne estas eble silenti pri la grava partopreno de nia grupo al la neforgesebla tria kongreso en Cambridge.

Dank'al la klopodado de nia eminenta komitatano, S<sup>ro</sup> komandanto Lefevre, ĉe la generalo komandantestro de nia militista lernejo, tiu ĉi prosperis decidi la militan ministron ke li sendu al la kongreso oficialan delegiton, kaj por plenumi tiun delikatan mision li elektis nian vicprezidanton, S. Leŭtenanto Cardinal. Tiu fakto honorigas la *Pioniron*, kiu rajtas aljuĝi al si parton de tiu grava sukceso. La belgaj esperantistoj sciiĝis kun ĝojo pri la decido oficiala kaj vidis kun justa fiero nian amatan patrujon montrantan al la aliaj landoj imitindan ekzemplon.

Multaj grupanoj veturis ankaŭ al Anglujo por alesti al tiu granda kunveno, nome : S<sup>inoj</sup> Hoffmann kaj Staes, F<sup>inoj</sup> Chevalier, Delfosse, Guilliaume, Hoffmann, Laureys, Moreau, Simon, Staes, kaj S<sup>oj</sup> Abato Richardson, Blanjean, Chalon, Giminne, Jos. Jamin, Maisonpierre.

La profitoj, kiujn ili ricevis de tiu internacia kunveno je ĉiu vidpunkto, sed precipe je la vidpunkto de la lingva kono estas ja rimarkindaj ; ni uzas tiun okazon por atentigi vin pri la 4<sup>a</sup> kongreso okazonta dum tiu ĉi jaro en Dresdeno kaj por admoni vin ke vi faru de nun la necesajn aranĝojn por ebligi vian partoprenon.

*Vespermanĝoj.* Dezirante aldoni agrablecon al utileco kaj samtempe obei unu el la plej respektindaj kutimoj de la brusela loĝantaro, via komitato organizis serion da vespermanĝoj, kiuj okazos regule ĉiutrimonate. La unua okazis la 8<sup>an</sup> de Januaro ; la dua estas jam anoncita por la 8<sup>a</sup> de Aprilo.

Ni esperas ke tiuj kunvenoj ankaŭ helpos nin atingi nian celon.

*Paroladetoj.* De l' komenco de ĉi tiu jaro, oni povis jam konstati ke la progresoj faritaj de la membroj de nia grupo kaj precipe de tiuj, kiuj ĉeestas regule la kunvenojn, estis sufiĉe grandaj por ebligi ilin ne nur legi, skribi kaj paroli korekte la lingvon sed eĉ por uzi ĝin en publika parolado. Tiel naskiĝis la projekto enkonduki en la programo de niaj kunvenoj regulajn paroladetojn farotajn ĉiumerkrede de unu aŭ alia membro pri teksto laŭvole elektita.

Nia sindonema *Prezidanto* malfermis la serion la 29<sup>an</sup> de Januaro, parolante pri *kutimoj kaj legendoj de Ardenlando.*

La sekvantan merkredon S<sup>ro</sup> *Cardinal* legis interesplenan leteron de S<sup>ro</sup> Lundgren, la bonekonata sveda verkisto.

Poste ni aŭdis dum ĉiu kunveno vere atentindan kaj ĉiam altinteresan paroladeton. Jen, laŭ la dataro, la nomoj de la paroladintoj :

F<sup>ino</sup> *De Luyck* priskribis la belaĵojn de la pentrinda *Kempenlando* ;

S<sup>ro</sup> *Abato Richardson* sprite pritraktis *la malagrablaĵojn de la vojaĝoj* ;

F<sup>ino</sup> *Simon* lerte kondukis nin tra la misteraj profundegaĵoj de la *Groto de Han ;*

S<sup>ro</sup> *De Preter* konvinkis nin per nekontraŭdireblaj argumentoj ke *la vojaĝoj* estas vere agrablaj ;

F<sup>ino</sup> *Hoffmann* interesis nin per sia vizito *en karbominejo* kaj per tuŝantaj aludoj al la vivkondiĉo de la laboremaj ministoj ;

S<sup>ro</sup> *Giminne* montris al ni la esperplenajn rezultatojn jam atingitajn de S. Roy, la proponanto de projekto kiu aliformigos *Neutran-Moresneton* en amikejo, t. e. esperantista paradizo;

Fine, dank'al F<sup>ino</sup> *Delfosse*, ni pasigis agrablan horon kun amindaj *buboj* en la frebela lernejo.

Estas certe ke tiu parto de nia komuna agado produktos plej ŝatindajn rezultatojn; ni esperas ke la ekzemplo montrita de la unuaj paroladintoj estos baldaŭ imitata de ĉiuj niaj samgrupanoj.

Jen, Sinjorinoj kaj Sinjoroj, rapide montritaj, la ĉefaj okazintaĵoj de nia unua agada jaro. Ni esperas ke vi konsentos kun via komitato, opiniante ke tiu programo estas ne nur kontentiga sed ke ĝi estas ankaŭ promesplena por la estonteco.

Ni plenumas agrablan devon adresante, je l' nomo de l' komitato, nian plej koran dankon al tiuj, kiuj alportis malavare sian fervoran klopodadon por atingi la rezultaton jam akiritan kaj pretigi la vojon al estontaj sukcesoj. Parolistoj kaj parolintoj, profesoroj, propagandistoj, ĉiuj niaj kunhelpantoj bonvolu akcepti la sinceran esprimon de niaj varmaj dankoj kaj gratuloj.

Por fini, al ĉiuj Pioniranoj, kies nombro superas ja 150, ni adresas viglan alvokon kun la espero ke ili ĉeestos regule kaj multnombre al niaj kunvenoj kaj varbos senhalte novajn adeptojn al la esperanta lingvo, kiu solvas plene unu el la plej gravaj demandoj de nia epoko. Tiel agante, ili alportos sian devigan helpon al la progreso kaj plenumos sian devon kontraŭ la tuta homaro.

---

## NEKROLOGIO.

La lastan 21<sup>an</sup> de Aprilo mortis S<sup>ino</sup> Th. Kerckaert, unu el la plej fervoraj kaj sindonaj membroj de la Antverpena Grupo Esperantista. Ŝi sekvis sukcesplene la vintran kurson 1907-08, kaj ĉeestis ankoraŭ, plensana, la lastan lecionon. Inter la Antverpenaj esperantistoj ŝi akiris multajn geamikojn, kiuj ege bedaŭras la antaŭtempa morto de sia simpatia samideanino, kaj sincere kondolencas S<sup>on</sup> Kerckaert pro lia dolora funebro.

## VOJAĜIMPRESOJ EL GERMANLANDO.

La elekto de la urbo Dresden kiel sidejo de la kvara kongreso inspiris al mi la ideon skribi ion pri kelkaj germanaj urboj kiujn mi vizitis, kaj speciale pri la du grandaj saksaj urboj, Dresden kaj Leipzig.

Per tiu priskribeto, kvankam ĝi estos tute neplena, mi tamen esperas iom kunhelpi por allogi kelkajn ŝanceliĝajn samideanojn, entrepreni la vojaĝon, tiel belan, tiel interesan, al la loko de la proksima kongreso.

Dresdeno, la ĉefurbo de Saksujo, majeste etendiĝas sur la du bordoj de lariverego Elbo; la malnova, plej granda parto sur la maldekstra suda bordo, la Novurbo (Neustadt) sur la dekstra. Kvar pontoj kunigas la du partojn de la urbo.

La fremdulo kiu alvenas en Dresdeno ĉe la stacidomo de Neustadt, kaj vojiradas ĝis la ponto de Aŭgusto, ĝuas tie ĉi belegan, ja mirindan vidaĵon de la malnova reĝa urbo. Ĉiuj rimarkindaj monumentoj de Dresdeno troviĝas en artoplena kunigo apud la bordo de la rivero, kaj iliaj turoj kaj kupoloj prezentas al la mirigitaj okuloj de la vizitanto belegan kaj unuuran vidiĝon.

Ni do transpasu la ponton de Aŭgusto. Antaŭ ni elstaras la palaco de la reĝo (Königliches Schloss), kun bela alta turo (101 m.), kaj internaj kortoj kiuj apartigas la diversajn flankaĵojn de la monumento, konstruita en la stilo de la Renaskiĝo (Renaissance). En la teretaĝo de la palaco oni vizitas la trezorojn de la Verda Arkaĵo (Grüne Gewölbe). La palaco komunikas unuflanke, per kovrita ponto, kun la princa palaco (Palais am Taschenberg), kaj aliflanke, per sama ponto, kun la reĝa katolika preĝejo (Katholische Hofkirche). Tiu monumento, kun bela turo stariĝanta flanke de la palaca turo, estas reala ĉefverko de la itala Renaskiĝa arkitekturo. La ekstero estas mirinda. Sed, interne, kiel okazas por la plejmultaj el la Germanaj preĝejoj, oni tute surpriziĝas pri la nuda malvarmeco de tiela arkitektura juvelo.

Bela vasta placo, la Teatra placo, sin etendas antaŭ la palaco kaj la preĝejo. Aliflanke de la placo troviĝas la granda reĝa Teatro. En la fundo, vastega kvarangulo estas okupita je la palaco « Zwinger », kun la Muzeo de pentraĵoj (Gemäldegalerie). Grandvaloraj ĉefverkoj estas tie kunigitaj, inter kiuj la Flandraj, Holandaj kaj Italaj majstroj estas multnombre riprezentitaj; la fama « Virgulino » de Rafaelo ornamas altareton en aparta salono.

La palaco « Zwinger », kiu enhavas ankoraŭ diversajn aliajn kolektojn (zoologian, mineralogian, k. t. p.), estas konstruita je la deksepa jarcento, de la elektanta-princo, Aŭgusto la Forta, konita en la historio de Sakslando pro lia luksa vivado kaj lia amo de belartoj. Tiu princa domego, la plej granda Dresdena monumento, estas belega konstruaĵo, kiu, per siaj multnombraj apartigitaj flankaĵoj, siaj vastaj kortoj, siaj pordegoj malfermitaj ĉiuflanke de la monumento, iom memorigas la palacon « Louvre » el Parizo. Sed la stilo de la saksa monumento estas pli malsimpla, pli ornamita, la vera stilo « rokoko ». Sur ĉiu flankaĵo stariĝas belega dometo, tegita je kupra kupolo.

Ni reiru al la ponto de Aŭgusto. Maldekstre de la reĝa palaco kaj de la katolika preĝejo, sin etendas laŭlonge de la rivero bela larĝa teraso (Brühlsche Terrasse), kun statuoj kaj plantaĵoj, kaj sur kiu estas konstruita la Akademio de la belartoj (Kunstakademie). Malantaŭ la ornamita tegmento kaj kupulo de tiu monumento, alte kaj majeste elstaras la granda kupra kupulo de la preĝejo de la Virgulino (Frauenkirche). Promenante sur la teraso, oni povas admiri sur la alia bordo de la rivero la novajn kaj vastajn Ministrejojn.

Dresdeno posedas admirindan publikan ĝardenon (Grosser Garten). Larĝa agrabla vojo, bordita je belaj kampodomoj, kondukas unue al la Zoologia Ĝardeno, kaj tuj poste oni eniras en la belegan, grandan parkon. En la parko staras palaco, ankaŭ konstruita de Aŭgusto la Forta, kiel somera restadejo, kaj poste aliformigita en Antikvaĵa Muzeo. La konstruaĵo kaj la ĝardeno multe memorigas la francan palacon kaj parkon de Versailles. En larĝaj ombrumitaj aleoj kuniĝas ĉiun posttagmezon la alta Dresdena societo, en longa serio da luksaj veturiloj.

Mia vizito en Dresdeno ne estis sufiĉe longa por ke mi esploru la ĉirkaŭaĵon. Sed mi aŭdis kaj legis ke ĝi estas vere mirinda. La urbo estas enkadrigita je rondo da montetoj. Sur la riverego Elbo oni povas fari agrablajn ekskursojn al la najbaraj lokoj. Ne malproksime de Dresden, la regiono estas tiel monta ke ĝi meritis la nomon de Saksa Svisujo (Sächsische Schweiz).

Mi fine resumas tiun priskribeton de la urbo Dresden, elektita por la kvara Esperantista Kongreso, aldonante ke ĝi estas vere artoplena urbo, kiu posedas en neimitebla kunigo, serion da rimarkindaj monumentoj kiuj altigas ĝin je la rango de la plej belaj urboj el Eŭropo.

*(Daŭriĝos).*

MARIA POSENAER.

---

### Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

APRILO.

ĜENERALA PLANO KAJ ENHAVO.

**Artista kaj literatura vivado:** Edmondo de Amicis kaj G. Carducci, de Pro *Buquet*, (Francujo).

**Ĉiulandaj kutimoj:** La norvega edziniĝa krono, de Rev. *J. Beveridge* (Skotlando). — La Blarneja Ŝtono, de *Dillig* (Irlando). — La danco de l' gefianĉiĝo, de *J. Flourens* (Francujo).

**Felietono:** La fratoj de Mowgli, el « la libro de la Ĵunglo », de *Rudyard Kipling*, tradukita de *C. W. Oxenford* (Anglujo).

**Teatro:** Kaprico, de *Alfred de Musset*, tradukita de *J. Flourens* (Francujo).

**Ĉiulanda literaturo:** El « Afrikaj leteroj », de *H. Sienkiewicz*, tradukita de Sino *Hulanicka* (Polujo).

**Nuntempaĵoj:** La elektadaj tumultoj en Lisbono, de *E. Ĉefeĉ* (Germanujo).

**Pri Esperanto:** Kroniko, Bibliografio, de *Steleto*.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C[ie].

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT . . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le COMM[t] MATTON . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen.** . . . . . . . . . . . . . fr. 0.60
Verzendingskosten daarboven.

## Publications Espérantistes belges.

Esperantaj Belgaj Presajoj

Ĉe : A. J. WITTERYCK, 4, N[lle] Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.60
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de D[ro] Maurice Seynaeve kaj D[ro] Raym. Van Melckebeke . . 1.50 (60 Sd.)
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de S[rino] Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . 1.00 (40 Sd.)
**Tra Mez-Afriko**, de K[to] Ch. Lemaire. . 2.50 (1 Sm.)
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 4 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . aparte 0.20 (8 Sd.)
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le L[t] Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : S[ro] E. MATHYS.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. DUBOIS.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . 0.65

Ĉe : W[e] DEMARTEAU-THYS & ZOON.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe VAN HILLE-DE BACKER.
Zirkstraat, 35, Antwerpen

**La ĉiutaga Vivo**, de S[roj] Swagers kaj Finet fr. 1.00, (40 Sd.)

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

# L'ESPERANTO

**solution du problème de la LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE.**

Brochure de propagande.

NOUVELLE ÉDITION. 1[er] JANVIER 1908.

PRIX :
- Un exemplaire franco . . 0.15 fr.
- 10 exemplaires . . . . . 1.00 »
- 20 » . . . . . 1.50 »
- 50 » . . . . . 3.00 »
- 100 » . . . . . 5.00 »

## Clef Sommaire

pour joindre aux lettres adressées aux non-espérantistes.
Un exemplaire . . . . . . . 0.05 fr.
S'adresser par écrit, au Secrétariat de la Ligue Espérantiste belge, 53, rue de Ter Bosch Bruxelles.

# ATENTU !

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, ĵus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita :

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*